Tampereo '95

kongresa kariero ........................................... julio 22 sabato

# Vekilo kongresa

1

## Notu bone!

**Notu bone! informas vin pri la ŝanĝoj en la programo. Ĉi-tie troviĝas ŝanĝoj kiuj aperis post la presigo de la kongresa libro.**

***Salono Lehtivaara transloĝiĝis***

Salono *Lehtivaara* ne situas en la unua etaĝo de la kongresejo kiel montrite en la kongresa libro, sed en la tria etaĝo proksime al la oficejoj.

***Amasloĝejoj kuniĝis***

La du amasloĝejoj kuniĝis tiel, ke ĉiuj amasloĝantoj loĝas en la lernejo *Kalevan lukio* (pli frue nur junulara amasloĝejo). La alia amasloĝejo estas rezervita por eventualaj dumkongresaj alvenantoj.

***Parkado de aŭtoj***

Parkado de aŭtoj kaj aŭtobusoj eblas senpage sur la korto de *Kalevan lukio*, kie troviĝas amasloĝejo kaj krome apud ĝi sur la korto de la lernejo *Sampola*.

***Junulara vespero NE en Viikinsaari***

Junulara vespero kaj la koncerto de Persone (merkrede) ne okazos en insulo *Viikinsaari* sed en la junulara amasloĝejo.

Junuloj iras al *Viikinsaari* jam marde, kiam okazos vesperumado kaj saŭnado sur la insulo. Ekveturo je 16.30.

## Telefoni eksterlanden

Kiel telefoni eksterlanden? Se vi volas telefoni eksterlanden, uzu la ordinarajn telefonbudojn. Sekvu la instrukciojn en la budo. Por voki eksterlanden eblas elekti inter tri kompanioj uzante komence la numeroserion 990, 994 aŭ 999. Telefonbudoj tamen akceptas ĝenerale nur la kodon de la kompanio, kiu posedas la budon. El aliaj telefonoj vi povas elekti kiun ajn el la kodoj. La prezoj iomete malsamas kaj varias inter la kompanioj.

## Atentu landaj salutantoj en la Inaŭguro!

Se via landa E-asocio delegis vin saluti en la Solena Inaŭguro, aŭ se vi estas la sola aŭ unu el malmultaj kongresanoj el via lando kaj do pretas saluti, bv. atenti jenon:

– Ĉiuj salutantoj venu al la podio dimanĉon, la 23an de julio, je la 09h45 kaj sidiĝu en la vicojn malantaŭ la prezida tablo.

– Ĉiu unuopa saluto povas daŭri maksimume 30 sekundojn. Ne ripetu viajn nomon kaj landon, ĉar tion diros la anoncanto. Via tasko estas diri al ni la ĉefan E-novaĵon el via lando dum la pasintaj ses monatoj. Ekzemploj: Abana E-Ligo, fondita en 1991, nun havas 200 membrojn. Aŭstralio, kiu post du jaroj gastigos la 82an UK, jus eldonis belan koloran prospekton, riceveblan ĉe la giĉeto de Adelajdo. La jus okazinta Brazila E-Kongreso havis 250 partoprenantojn. Dana E-Asocio ĉi-jare akiris 20 novajn membrojn. ktp. ktp. Utiligu saĝe vian duonminuton!



## Kie manĝi en la kongresejo

Kafejo *Soolo* (en la suba vestiblo de la kongresejo) estas malfermita ĉiutage (ankaŭ merkrede) ekde la 9-a ĝis la 23-a aŭ 24-a depende de la finiĝo de la kongresa programo.

Kongreseja manĝejo en la ekspozicia halo estas malfermita sabate 22.7., dimanĉe, lunde, marde, ĵaŭde kaj vendrede ekde la 9-a ĝis la 18-a. Lunĉo haveblas tie sabate 22.7., lunde, marde, ĵaŭde kaj vendrede ekde la 11-a ĝis la 14-a kaj dimanĉe ekde la 12-a ĝis la 14-a.

***Manĝejo de la junulara amasloĝejo***

En la junulara amasloĝejo funkcias manĝejo ekde la sabata (22.7.) vespero ĝis la sabato matene (29.7.). La manĝejo malfermas por matenmanĝo de la 7-a ĝis la 9-a horo, por lunĉo de la 12-a ĝis la 14-a horo kaj por vespermanĝo de la 17a ĝis la 19-a horo. Escepto estas merkrede, kiam la vespermanĝo okazos de 20-a ĝis la 22-a horoj. En la junulara amasloĝejo funkcios ankaŭ nokta kafejo ĉiuvespere de la 22-a ĝis la 2-a horo.

## Poŝtoficejo

En la kongresejo funkcios poŝtoficejo en la suba vestiblo ĵaŭde kaj vendrede ekde la 10-a ĝis la 16-a horo. En la oficejo oni povas aĉeti poŝtmarkojn, ricevi specialan stampon de la kongreso kaj aĉeti filatelaĵojn de la finnlanda poŝto.

Dum la ceteraj tagoj estos en la vestiblo flava leterkesto. Ĉiujn poŝtkartojn kaj leterojn lasitajn tie oni stampos per la speciala stampo de la kongreso kaj oni malplenigas la keston ĉiutage.

Ĉiutage eblas ricevi specialan stampon ankaŭ en la ĉefa poŝtoficejo de Tampereo, proksime al la fervoja stacio. En la poŝtoficejo eblas ankaŭ ŝanĝi monon.

***Poŝtaj afrankoj***

Ekde la 1-a de julio validas la jenaj afrankoj:

| | poŝtkarto kaj letero ĝis 20 g | letero ĝis 50 g |
|---|---|---|
| Enlande (inkl. AVI) | 2,80 | 2,80 |
| EU-landoj (inkl. AVI) | 3,20 | 4,30 |
| Cetera Eŭropo | 2,70 | 3,50 |
| Ekstereŭropaj landoj | 3,40 | 6,30 |

Pri pli pezaj poŝtaĵoj bv. demandi ĉe poŝtoficejo aŭ informejo.

## Anoncu vin por la modela UN-asembleo

La modela UN-asembleo okazos merkrede en la hotelo *Rantasipi*. Sin anoncis jam reprezentantoj de pli ol 25 landoj, sed mankas daŭre gravaj landoj el kiuj al la kongresejo alvenis junaj esperantistoj. Ni deziras, ke kiel eble plej multaj landoj reprezentiĝu. Se vi estas inter 16-26-jara (proksimume), kaj havas mezebonan parolkapablon de esperanto, anoncu vin al **Geoffrey Greatrex** (kn 266) aŭ **Anna Ritamäki** (kn 738). La organizantoj petas, ke homoj kiuj ne partoprenas la ludon, bv. ***ne*** veni por spekti la eventon, ĉar mankos spaco por observantoj.

## Oficejoj en la tria etaĝo

La oficejoj de **LKK**, Gazetara Servo kaj Kongresa Kuriero situas en la tria etaĝo. Ne ĝenu la laborantojn de la oficejoj, sed vizitu ilin se vi havas aferojn kiuj rilatas al la informado. Vi povas lasi mesaĝojn por la kongresa kuriero ankaŭ al la informejo.

## Informejo

Informejo estas por vi, kiu havas problemojn, demandojn aŭ ne scias kion fari. Informejo troviĝas ĉe la enirejo kaj tie oni dejoras konstante.

## Kantemuloj!

En la dokumentujo vi ricevis kajereton "Kune ni kantas".

Bonvolu kunporti ĝin al

1. Interkona vespero
2. Ekskursoj
3. La kongresejo ĉiutage, ĉar ni provas trovi lokon por kunkantado aŭ ekstere (laŭ la vetero) aŭ manĝejo aŭ aliloke je la 14-a horo ĉiutage (ne merkrede).

## Esperanto tänään

Esperanto tänään (Esperanto hodiaŭ), kiun vi trovas el via dokumentujo, estas informilo de Esperanto-Asocio de Finnlando. La ĝisdata versio aperis unu semajnon antaŭ la malfermo de la kongreso. Uzu la informilon se vi havas kontaktojn kun tampereanoj aŭ aliaj finnoj, kiuj interesiĝas pri esperanto.

## Kongresa kuracista servo

Senpaga kongresa kuracista servo funkcias en la ĉambro "unua helpo" (1-a etaĝo). Dejoranta kuracisto akceptas pacientojn en la ĉambro proksimume je la horoj 9.00-11.00 (ne merkrede) kaj 16.00-18.00. Krome la kuracisto estas voke**bla** aŭ konsulte**bla** pere de porte**bla** telefono n-ro 950 5526 188 inter la 11-a kaj la 16-a horoj. Dum aliaj tempoj vi devas viziti **la urban san**centron (finne: *Hatanpään lääkäriasema*, adreso: Hatanpäänkatu 24) okaze de akuta malsaniĝo. Aktualajn informojn pri la sanprizorgado vi trovos ĉiutage sur pordo de la unua helpo.



## Junulara programo

Ĉiuj programeroj okazos en aŭ antaŭ la amasloĝejo *Kalevan lukio*. De tie oni ankaŭ ekveturos al ekskursoj. En la amasloĝejo estas ankaŭ vendataj Kalevala-temaj esperantlingvaj T-ĉemizoj.

La tuta programo troviĝas en la ĉi-suba tabelo.

| | Sabatu 22.7 | Dimanĉo 23.7 | Lundo 24.7 | Mardo 25.7 | Merkredo 26.7 | Jaŭdo 27.7 | Vendredo 28.7 | Sabato 29.7 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | Frumatena panbakado ekde 4.30 | | | | Adiaŭo |
| 8.30 | | | Tradiciaj rubandoj 1 | | Tradiciaj rubandoj 2 | Kurso pri pajlajoj | Arbarekskurso, ekveturo je 8.30 | |
| 10.00 | Urba rondveturado | | Tradiciaj rubandoj 1 | Kurso pri lanaj gantoj | Tradiciaj rubandoj 2 | Kurso pri lanaj gantoj | | |
| 11.30 | Urba rondveturado | Finna pilkludo 'pesis' | Bakado | Kurso pri lanaj gantoj | Finna ludo 'kyykkä' | Kurso pri lanaj gantoj | | |
| 13.00 | | Finna pilkludo 'pesis' | Bakado | Kurso pri punto | Finna ludo 'kyykkä' | | | |
| 14.30 | Kantado | Tradiciaj rubandoj 1 | Kurso pri pajlajoj | Kurso pri punto | Ludoj (Geo ktp.) | Finna pilkludo 'pesis' | | |
| 16.00 | Tradiciaj rubandoj 1 | Tradiciaj rubandoj 1 | Kurso pri pajlajoj | Vesperumado kaj saŭnado en la insulo Viikinsaari. Ekveturo je 16.30 | Ekskurso al finna televizio, ekveturo je 16.00 | Finna pilkludo 'pesis' | Finna ludo 'kyykkä': maĉo inter du teamoj | |
| 17.30 | Tradiciaj rubandoj 1 | Finnaj manĝkutimoj | Finna ludo 'kyykkä' | | | Kurso pri punto | Bakado | |
| 19.00 | | | Finna ludo 'kyykkä' | | Junulara vespero: Bankedo | | Bakado | |
| 20.30 | Finnaj dancoj | | | | Koncerto de PERSONE | Finnaj dancoj | Bakado | |
| 22.00 | Diskoteko | Diskoteko/ Nokta bakado ekde 23.00 | Kantvespero | | kaj diskoteko ekde 19.00 ĝis 3.00 | Diskoteko | Diskoteko | |

# Okazas en la urbo

### *Menciindaj ekspozicioj en Tampereaj muzeoj*

Antikvaj grekaj kaj romiaj trezoroj el la imperiestra kortego de la Habsburgoj estas videblaj en la artmuzeo de Tampereo. La muzeo estas malfermita de mardo ĝis dimanĉo inter la 10a kaj 18a horoj.

Biertema ekspozicio, kiu inkluzivas kolekton de estonaj bierujoj, estas videbla en la Provinca muzeo (*Hämeen museo*). Malfermaj horoj egalaj al tiuj de la artmuzeo.

### *Inaŭguro ĉe Lenin-muzeo*

Inaŭguro de la ekspozicio pri la laborista esperanto-movado okazos dimanĉe je la 14-a horo en Lenin-muzeo, adreso: Hämeenpuisto 28 (3-a etaĝo). La ekspozicion prezentas vicprezidanto de UEA Ulrich Lins.

Ĝis la dimanĉo 23-an de julio en la muzeo estas ekspozicio pri la originalaj Lenin-ajoj el Moskvo.

Dum la tuta kongresa semajno en la muzeo daŭras ekspozicio "Malapero de la ikono", kiu prezentas modernan Lenin-teman arton de **Dietrich Maus** (Wuppertal, Germanio). Krome la konstanta ekspozicio de la muzeo rakontas pri la vivo de Lenin kaj pri liaj rilatoj kun Finnlando.

### *Ekspozicio pri Ekslibrisoj*

En la ekspozicio-halo (Kafejo-manĝejo) kongresanoj povas konatiĝi ankaŭ kun malgrandaj artaĵoj, ekslibrisoj.

Ekslibriso estas la marko de libroposedanto. La markon oni algluas sur la internan flankon de la unua kovrilo de la libro por montri kiu ĝin posedas.

La ekspozicia kolekto estas kolektita por tiu ĉi kongreso kaj la aranĝantoj ricevis pli ol 40 markojn de 27 personoj el 15 landoj. Kelkajn ekslibrisojn, de malnovaj kaj famaj finnaj esperanto-pioniroj, oni prunteprenis. Korajn dankojn al la sendintoj!

Por tiu ĉi kongreso rumana artisto Ovidiu Petca faris apartan ekslibrison.

### *Ekspozicio pri Esperanto-poŝtmarkoj*

En la ekspozicio-halo (Kafejo-manĝejo) estas ekspozicio pri esperanto-poŝtmarko, kie eblas trovi preskaŭ ĉiujn esperanto-poŝtmarkojn.

La ekspozicion kolektis finna esperantistino **Terttu Österman**. Ŝi kolektis kaj planis ĝin dum preskaŭ 20 jaroj.

Sed la kolekto ne nur prezentas markojn, ĝi instruas esperanton por alilingvanoj kaj tial la informoj estas en la angla. La kolekto estas ankaŭ kolekto por konkursoj; tial la lingvo devas esti iu aprobita lingvo. Enhavon vi trovas esperantlingve.

Temas pri altvalora filatela kolekto, kiu jam ricevis premiojn, eksterlandajn kaj finnajn. Post nia kongreso la kolekto ekiras al filatela ekspozicio de Singapuro.

Ni rekomendas, ke la kongresanoj konatiĝus kun la ekspozicio.



Krome en la enirhalo de la amasloĝejo (Kalevan lukio) okazos ekspozicio de finna manteksaja arto, puntoj. La puntojn por la ekspozicio faris Eini Kilpinen.



Krome en la kongresejo troviĝas ekspozicio de esperantistaj pentristoj. Japana pentristo **Usui Hiroyuki**, franca/norvega pentristino **Cecile Anda** kaj tamperea pentristo **Lauri Häkli** prezentos siajn pentraĵojn en ekspozicia halo (kongresa manĝejo). En la ekspozicio troviĝas ankaŭ kelkaj oleaĵoj de **Maria Pozder Almada**, el Brazilo.

## Programo por TEĴA-anoj (jurnalistoj)

Prezento de la departamento pri jurnalismo kaj amaskomunikado de la Tamperea universitato. La departamento estas la plej malnova kaj plej granda edukejo de finnaj jurnalistoj. Marde en la universitata ĉefkonstruaĵo apud la kongresejo. Ekiro de la ĉefa enirejo je 14.00.

TEĴA-kunveno marde 16.15-17.00 en la salono Setälä.

Vizito al *Aamulehti* (Matena gazeto), la regiona taggazeto de Tampereo. Vendrede je 12.30 en la redaktejo. Ekiro je 12.00 ĉe la ĉefa enirejo.

En la junulara programo estas krome vizito al televizia kanalo 2, kiu funkcias en Tampereo. Merkrede, ekiro de la amasloĝejo *Kalevan lukio* (malantaŭ la anasa parko) je 16.30.

## Ĵazo en Hämeenlinna

En la urbo Hämeenlinna (unuhora trajnvojaĝo) okazos dimanĉe la 23-an de julio senpaga ĵaz-koncerto en la kastela parko de la 13-a ĝis la 18-a horo. Kontaktu Teuvo Laine (renkontebla en la gazetara servo) pri la eventuala grupa vojaĝo por aŭskulti ĵazon.

## Vizitu finnan skoltejon

Tuj post la kunveno de Skolta Esperanto-Ligo dimanĉe 16-16.45 en *Ramstedt* la geskoltoj estas invititaj partopreni lokan skoltan kunvenon. La tampereaj skoltinoj regalas nin per suko kaj sekpano. Ĉiuj muzikantoj kunportu gitaron. Ni promenos kune (ĉ. 1 km) al la skoltejo.

*Carola Antskog*

## Profesicele al esperanto

Antaŭ pli ol tri jaroj deko da tamperaj urbaj ĉiĉeronoj komencis lerni esperanton. Ilin ne allogis la lingvo en si mem kaj ne iaj ideaj celoj: ili volis lerni la lingvon por povi gvidi esperantajn grupojn en Tampereo. Eble temas pri la unua fojo kiam profesiaj ĉiĉeronoj okupiĝis pri esperanto nur por la kongreso.

– Komence tio estis kvazaŭ lude, mi volis okupiĝi pri io por viglig: la cerbon, diras Marjatta Saari. Poste la afero serioziĝis kiam la kongreso proksimiĝis. Ĝis tiu ĉi somero en la kurso restis tri ĉiĉeronoj kaj krome unu laboranto de la urba turisma oficejo. La ĉiĉeronoj **Marjatta Saari**, **Sirpa Kauppila** kaj **Pirkko Palenius** gvidos en la kongreso duontagajn ekskursojn: Jen Tampereo, la kongresa urbo kaj la ŝipkrozadon sur la lago *Näsijärvi*.

**Jarmo Polvi** el la urba turisma oficejo stangos giĉeton de la oficejo en la kongresejo kaj pretas respondi al plej eble diversaj demandoj pri turismo kaj Tampereo.

– Ni havis ankaŭ diskutadon dum la lecionoj, la ĉiĉeronoj rakontas. Komence ni emis ekparoli la finnan post kelkaj frazoj, sed Riitta Hämäläinen, nia instruisto, tiam diris "en esperanto!".

La Tamperaj ĉiĉeronoj ankoraŭ ne konas la lingvon perfekte, sed ili sentas, ke ili almenaŭ komprenas kion la aliaj diras. – Aliaj lingvoj multe helpas en lernado de esperanto, mi scipovas ekzemple la grekan, kio donas multe da vortoj. Eblas diveni la signifon, eĉ se mi ne konas la vorton, diras Pirkko Palenius.

Ili havas jam iomete da spertoj pri la ĉiĉeronado en esperanto, dum la somera kurso ili gvidis urborigardadon kaj viziton en Tamperehalo. Ili montris la urbon ankaŭ al rusaj grupoj. La lasta praktikado okazos sabate, kiam la tri ĉiĉeronoj gvidos junularan ekskurson.

## Mazi invitas vin

al la kongresa salono Lapenna la 25-an de julio 1995, je la horo 15.30-16.00 por ĉeesti la inaŭguran prezentadon de la filmo *Mazi en Gondolando*.

La mazi-filmo estas ankaŭ regule prezentata en la salono de la kongresa libroservo, kie la kongresanoj povos aĉeti la Mazi-kompleton por favora kongresa prezo de 495 FIM.

## Listo de lastaj kongresanoj

| | | |
|---|---|---|
| 2031 | wang-p | S-ino Wang Yuqin, Esperanto-Sekcio de China Radio International, CN-100866 Beijing, Ĉinio |
| 2032 | wlih-x | S-ino Lihua Wang, El Popola Ĉinio Poŝtkesto 77, CN-100037 Beijing, Ĉinio |
| 2033 | xtan-z | S-ino Tan Xiuzhu, p/a El Popola Ĉinio p.O. Kesto 77, CN-100037 Beijing, Ĉinio |
| 2034 | angh-r | S-ino Hildegard Angermann, Schweriner Str. 47, DE-01067 Dresden, Germanio |
| 2035 | guhu-t | Huarui Guo, Kroggården Lanna, SE-719 93 Vintrosa, Svedio |
| 2036 | rbur-r | S-ro Roberto Burgess, The Teddy Bear Farm 915 1/2 W. Micheltorena St., Santa Barbara CA 93101, Usono |
| 2037 | mlou-g | S-ino Marilou Ronald, 45 10th Avenue, Roxboro QC, Kanado H8Y 2N3 |
| 2038 | upro-w | S-ro U. Paul Ronald, 45 - 10th Avenue, Roxboro (QC), Kanado H8Y 2N3 |
| 2039 | dnzm-o | S-ino Denise Martin, 22 rue Fr. Villon, FR-91450 Soisy sur Seine, Francio |
| 2040 | risp-o | S-ro Antoine Rispal, Le Montmurail II 210 Rue Olivier de Serres, FR-84200 Carpentras, Francio |
| 2041 | eryb-h | S-ro Eugeniusz Rybarczyk, Bispeparken 29, 1.th, DK-2400 København NV, Danio |
| 2042 | jsmy-f | S-ro Jimmy Stryhn Meyer, Thorshavnsgade 22, 2 tv, DK-2300 København S, Danio |
| 2043 | aikm-r | F-ino Aiko Matoba, 2-12-7 Terahata Kawanishi-shi, Hyogo, 666, Japanio |
| 2044 | akaz-m | S-ro Arūnas Kazlauskas, Ryšininku 6-15, LT- Klaipėda, Litovio |
| 2045 | asys-f | S-ro Stasys Kružinauskas, Rožių 45, LT-4270 Vilkaviškis, Lietuva, Litovio |
| 2046 | budv-o | S-ino Janina Budvytiene, Šiaures Prospektas 83-43, LT-2343 Kaunas, Litovio |
| 2047 | elu-u | S-ino Marija Keliuotiene, Pietine 11-11, LT-5815 Klaipeda, Litovio |
| 2048 | iral-t | S-ino Irena Alijošiūte, Zamenhofo 5, LT-3000 Kaunas, Litovio |
| 2049 | jgne-h | F-ino Neringa Jegorovaite, ab./k. 167, LT-300 Kaunas, Litovio |
| 2050 | jrgl-t | S-ino Lilija Jegoroviene, ab./k. 167, LT-3000 Kaunas, Litovio |
| 2051 | jrgv-v | S-ro Paul K. Jegorovas, ab/k 167, LT-3000 Kaunas, Litovio |
| 2052 | jupa-d | S-ro Jūrate Pauliūte, Kovo 11-osios 96-15, LT-3036 Kaunas, Litovio |

daŭrigota...

*– Vizitu unue –*

la vendejon de la loka klubo ***Antaŭen*** kaj la vendejon de Esperanto-Asocio de Finnlando ***Farita en Finnlando***.

*Vizitkarto*
Kongresa n-o ____________
Nomo ____________

Sekvu la bluan linion laŭ la koridoro de la ĉefa enirejo ĝis la fino.
Tie en la dua etaĝo vi trovos ilin en la salono Kalocsay (libroservo).

Lasu la apudan vizitkarton en la ujon de la vendejo *Farita en Finnlando*
Ni lotumos ĉiutage ĝis vendredo ion inter la vizitantoj.

Tampereo '95

kongresa kariolo ........................................ julio 23 dimanĉo

# Vekilo kongresa

2

## Vendrede: Tago de la Paco

Kontribuoj estas ankoraŭ invitataj por ĉi tiu jam tradicia kaj populara programero, kiu disvolviĝos ekde la 9-a horo en vendredo. Se vi havas propran sperton aŭ fortan opinion pri la por-pacaj agadoj de Unuiĝintaj Nacioj, kontaktu la kunordiganton de la Tago, Mark Fettes (kn 243) kun via propono. Vidu ankaŭ la priskribon sur p. 35 de la Kongresa libro.

## Libroservo: Pli ol 8000 libroj

La ĉi-jara kongresa libroservo ofertas ĉirkaŭ 800 titolojn kaj la entuta nombro da aĉeteblaj libroj estas proksimume 8000, rakontas la estro de la libroservo Pasquale Zapelli. Komence la kvanto ne estas tiom granda, sed novaj libroj aldoniĝas preskaŭ ĉiutage. La libroservo estas malfermita ĉiutage de la 9-a ĝis la 19-a horo. Nur dum inaŭguro kaj fermo la libroservo estas fermita.

Dum la kongreso la libroservo vendas Kalevala-n per aparta rabato de 30 markoj. Se vi aĉetas kaj Kalevala-n kaj Muminvalon la entuta prezo estas 70 markoj.

Vi trovas la libroservon en la balkono de la ekspozicia halo malantaŭ la kongresejo.

## Aŭtoraj duonhoroj en la libroservo

Aŭtoraj duonhoroj de la kongresa libroservo ebligas vin konatiĝi kun esperantaj verkistoj. Pridemandu iliajn kialojn kaj kielojn de la verkado. Foliumu la verkojn kaj subskribigu ilin!

Marde je 12.30 Giŭan Bak
Marde je 15.30 Aira Kankkunen
Ĵaŭde je 12.30 Julius Baltin
Ĵaŭde je 15.30 Paŭlo Gubbins
Vendrede je 12.30 Nikola Rasic
Vendrede je 15.30 Bormann/Frank

*Bonvenon!*

## Prezentu en Internacia Arta Vespero

Karaj artistoj, se vi aŭ via grupo, posedante la necesan artan nivelon, havas intereson kontribui al la Internacia Arta Vespero, bonvolu kontakti LKK-anon Jorma Toropainen (LKK-ejo en la tria etaĝo) aŭ kunordiganton de la artaj programoj Mikaelo Bronŝtejn dum la semajno kun viaj proponoj kaj ideoj. La Internacia Arta Vespero okazos vendrede.

## Kiel utiligi la anonctabulojn

Se vi havas aferon por iu kongresano, lasu vian mesaĝon al la prizorganto de la **rendevua tabulo.** En la tabulo aperas nur la kongresa numero de tiu, al kiu troviĝas mesaĝoj kaj la prizorganto donas la mesaĝojn al la kongresanoj.

La tabulo **anoncoj por kongresanoj** estas en libera uzo de kiu ajn kongresano. Krome en la halo troviĝas **informa tabulo** kun veterprognozo kaj la informoj pri specialaj aranĝoj. En ĝi troviĝas ankaŭ informoj pri la novaj aranĝoj.

Ĉe tabulo **taga programo** aperos ĉiutage la plej aktuala programo kaj en ĝi estas markitaj per ruĝa koloro la ŝanĝoj en la programo.

## Instruistoj atentu!

Kunsido de ILEI-anoj okazos lunde je la 12.00 en Waringhien. Oni bonvenigas ĉiujn ILEI-anojn, sed samrajte ankaŭ aliajn instruistojn kaj apogantojn de la E-instruado. Krom la prezento de ILEI-agado kaj planoj ĉiuj unuopuloj povas prezenti siajn spertojn.

Ĉiujn informojn pri ILEI, instruado, tuj post la UK okazonta ILEI-konferenco (restis nur kelkaj liberaj lokoj) vi povos ricevi ĉe ILEI-budo, kie vi trovos dejorantojn jam dimanĉe posttagmeze.

## Internaciaj ekzamenoj de UEA/ILEI

Se vi deziras esti unu inter la unuaj mil, kiuj sukcesis ĉe la ekzamenoj, uzu la eblecon jam nun.

Pri la gramatiko, movado kaj literaturo vi povos ekzamenigi vian kapablon je elementa kaj meza nivelo ankaŭ dum la UK.

Deko da UK-anoj jam aliĝis, sed vi ankoraŭ ne malfruis. Malgraŭ la registrigo kaj antaŭtesto okazos marde posttagmeze, jam hodiaŭ vizitu la ILEI-budon por informiĝi pri la postuloj, petu malnovajn testojn, horaron de la sesio dum la UK. Post tio nepre vizitu la libroservon kaj vi eble trovos la libron, kiu helpos al vi refreŝigi viajn E-konojn.

Aparte ni atentigas la UEA-delegitojn pri la rekomendo de la UEA-estraro, ke ili atingu almenaŭ la nivelon de meza ekzameno.

Pli da **informoj**: M. Belosevic, kn 1018.

## Farita en Finnlando

En Finnlando estas farita amaso da diversaj produktoj. Parton el ili (tamen ne porteblajn telefonojn) vi trovos en la vendejo Farita en Finnlando apud la libroservo. La vendejo ofertas al vi i.a. argilajn flutojn, lanajn vestaĵojn, argilajn potojn, herbo-teon el la pura finna naturo, betulŝelajn ujojn, florojn kaj pilketojn kaj lignajn ludilojn.

## Materialo por la Kongresa kuriero

La kongresa kuriero estas redaktata posttagmeze/vespere kaj la limhoro por la materialo por sekva matena numero estas je 18.00 ĉiuvespere (ne marde, ĉar kuriero ne aperas dum la ekskursa tago).

Lasu vian materialon ĉe la informejo. Dankon!

# Turismaj informoj

## Liberaj lokoj en la ekskursoj

Ankoraŭ troviĝas liberaj lokoj en la plej multaj ekskursoj. En ekskurso Jen Tampereo, la kongresa urbo estas liberaj lokoj lunde kaj marde. Al somertago ĉe bienula familio eblas iri lunde, marde, ĵaŭde kaj vendrede. Ŝipkrozado havas liberajn lokojn dimanĉe, marde, ĵaŭde kaj vendrede. Saŭno-ekskurso havas liberajn lokojn kaj marde kaj ĵaŭde.

Vesperaj ekskursoj al subĉiela dancejo havas liberajn lokojn kaj merkrede kaj vendrede.

Ĉe tuttagaj ekskursoj troviĝas liberaj lokoj en ekskursoj Arĝenta linio, Vivo ĉirkaŭ la lago, Verda oro de Finnlando kaj Helsinko.

## Urba turisma oficejo en la kongresejo

Urba turisma oficejo rimarkinde subtenas la 80-an UK en Tampereo. Jam antaŭ unu jaro aperis multkolora turisma prospekto pri la urbo. La urbaj ĉiĉeronoj lernis esperanton kaj nun en la kongresejo dejoras ankaŭ filio de la urba turisma oficejo, kie dejoras turisma oficisto Jarmo Polvi, kiu kune kun la ĉiĉeronoj lernis esperanton. En la giĉeto li disdonas diverslingvajn prospektojn pri Tampereo kaj informas pri la eventoj en la urbo. En la giĉeto riceveblas ankaŭ esperantlingva katalogo pri okazintajoj kaj ekspozicioj dum la kongresa semajno.

La giĉeto situas en la enireja halo proksime al la kongresa informejo.

## Atentu karaj ekskursanoj!

Pro la nekutime varma junio en Finnlando naskiĝis multnombra generacio de kuloj kaj aliaj flugantaj kaj pikantaj etuletoj de arbaroj. Necesas do sin vesti per taŭgaj vestaĵoj dum arbaraj ekskursoj kaj en Laponio. Longmanika bluzo, longkruruma pantalono kaj ĉapo aŭ kaptuko jam bone ŝirmas vin kontraŭ insektoj.

Se kulaj pikoj kutime kaŭzas al vi surhaŭtajn reakciojn, estus utile sin provizi per kulpelantaj kemiaĵoj (ekzemple *OFF*) kaj antihistaminmedikamentoj (ekzemple *Semprex*, *Zyrtec*), kiuj aĉeteblas sen kuracista recepto en apotekoj.

Partoprenantoj de Saŭna-ekskurso D4: se vi hezitas pro iu malsano sperti ĉi tiun aventuron bv. kontaktu la kongresan kuraciston antaŭ la ekskurso. Onidire saŭno sanigas kaj la animon kaj la menson. Agrablajn ekskursojn deziras

*Synnöve Myntinen, kuracisto*
*Seija Kettunen,*
*LKK-ano pri ekskursoj*

## Mapo por la individua promenado en Tampereo

Se vi havas tempon kaj intereson, eblas piede konatiĝi kun la kongresa urbo. Estas farita speciala mapo kun ĉirkaŭ 4-kilometra vojo en la urbocentro. La plej rimarkindaj dumvojaj vidindaĵoj estas esperantlingve klarigitaj dorsflanke. Petu la mapon ĉe la informejo!



## Rigardu la ekspozicion Esperanto en Radio!

Esperanto en Väsby, Svedio, preparis panel-ekspozicion pri radiostacioj, kiuj disaŭdigas elsendojn en esperanto aŭ pri esperanto. La ekspozicio troviĝas en la ekspozicia halo.

La ĝenerala enhavo estas:

- Samspecaj rubrikoj kun la nomo de la stacio
- Kvadratoj kun la titolo: programeroj.

Prezentitaj estas: Radio Pekino (Ĉinio), Pola radio, Radio Tallinn (Estonio), Radio Esperanto (Falköping, Svedio), Radio Esperanto (Malmö, Svedio), Radio Västerås (Svedio), Esperanto Magazino (Toulouse, Francio), Esperanto, 108 jaroj de amo (Rio de Janeiro, Brazilo), Esperanto (Sorocaba, Brazilo), Evangelio, Spiritismo, Esperanto (Rio de Janeiro, Brazilo), Radio Vatikana (Vatikano), 3ZZZ (Melbourne, Aŭstralio), ILERA, Radioamatoroj (Tutmonde).

Ĝia enhavo estas riĉa spite al la manko de pluraj radiostacioj. La kompletigantoj bedaŭras, ke ne eblas prezenti ĉiujn esperantajn radiostaciojn kaj tial ili petas informojn pri la mankantaj. Kompletigiloj estas haveblaj ĉe la ekspozicio.

## Nokta diskoteko en la junulara amasloĝejo

Por tiuj, kiuj volas danci post la fino de la programo en la kongreso, siajn servojn proponas nokta diskoteko dimanĉe, merkrede, ĵaŭde kaj vendrede de 22-a ĝis la 2-a horo. Ĉiutage samhore tie funkcias la nokta kafejo.





*Vizitkarto*

Kongresa n-o ______

Nomo ______

## Unuafoje Internacia Kongresa Universitato kunlabore kun AIS

La ĉijara Internacia Kongresa Universitato (IKU) provas novaĵon: la Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) San Marino agnoskos la tuton de la IKU-lekcioj kiel prelegserion de komuna "unua dumkongresa studadsesio" kaj kontribuos du po 8-horajn kursojn de AIS-anoj.

Ambaŭ kursoj estos malfermitaj al ĉiu UK-aliĝinto, sen devo aparte enskribiĝi ankaŭ ĉe AIS. Temas pri kurso pri astronomio, kune realigota de la plenrajtaj akademianoj profesoroj H.-M. Maitzen kaj A. Wandel, kaj pri kurso de la itala komputilisto kaj klerigteknologo d-ro Mauro La Torre. De ambaŭ kursoj la unua, enkonduka lekcio estos tradicia IKU-prelego, la aliaj sep okazos sub la enhava respondeco de AIS kadre de la UK-programo.

Kontentigante la principon de AIS, ke studadsesio devas konsisti el minimume tri kursoj aŭ kunordigitaj prelegserioj, oni konsideros la IKU-sekretarion, profesoron Maitzen, kunordiganton de la IKU-lekcioj. Studentoj de AIS povas akiri po unu studunuon per plejgrandparta aŭskultado de la IKU-lekcioj kaj per la partopreno en la menciitaj AIS-kursoj, kiuj ambaŭ finos per ekzamenetoj.

UK-aliĝintoj kiuj interesiĝas pri pluaj studadoj ĉe AIS (ekzemple jam post kvar semajnoj en San Marino kaj Rimini aŭ dum la venontjara UK en Prago) povos surloke studentiĝi.

## Lastatempaj aliĝoj

| | | |
|---|---|---|
| 2131 | cory-l | Corey A. Brill, 8615 Jackson Av., Manassas VA 22110, Usono |
| 2132 | ddlt-n | S-ro David Delatte, Rt. 2 Box 97B, Jackson LA 70748, Usono |
| 2133 | bruc-y | S-ro Brunetto Casini, Casella Postale 213, IT-56100 Pisa, Italio |
| 2134 | jolt-u | S-ino Casini Vitkute Jolita, V.S. Michele 100, IT-56100 Pisa, Italio |
| 2135 | jcxi-l | S-ino Chan Xian Jin, No. 36-101 Xing Fu Rood Miao Ling Street, CN- Da Xing Gou town,Jilin Pr., Ĉinio |
| 2136 | jijr-e | S-ro Jin Ri Jin, No 79 Xing hu st. Tou dao, CN- He Long, Jilin, Ĉinio |
| 2137 | jith-o | S-ro Tian Hu Jin, No 1-2 Ying Xing Hu Tong, CN- He Long, Jilin, Ĉinio |
| 2138 | jslj-w | S-ino Shun Ji Jin, No 2-11 Wenti st., CN- He Long, Jilin, Ĉinio |
| 2139 | lkxi-j | S-ro Long Xie Li, No. 7 Yuan Xiang Wei Yanji Street, CN- Yanji City, Jilin Pr., Ĉinio |
| 2140 | lzhz-v | S-ro Zheng Zhu Li, No4 Xinmin Cun, Long Shui Xiang, CN- He Long, Jilin, Ĉinio |
| 2141 | pxsh-h | Xiang Zhe Piao, No 1-51 Kuang Qu-Wei He nan Street, CN- Hun Chun City, Jilin Pr., Ĉinio |
| 2142 | yjiz-n | S-ino Ji Zi Yu, Yan Jin, Chang Bai Xiang, CN- Yan Ji, Jilin, Ĉinio |
| 2143 | avnc-q | S-ino Cesira Avenanti, Viale G. Galilei 1, IT-46100 Mantova, Italio |
| 2144 | dgro-f | S-ino Rosalia Di Gaetano, Via Beneduce 5, IT-81100 Caserta, Italio |
| 2145 | zntt-l | S-ino Adriana Zannetti, Via Manzoni PZ - 51A, IT-81100 Caserta, Italio |
| 2146 | ivpl-z | S-ro Ivar Paulsson, Skytteholmsvägen 29, SE-171 44 Solna, Svedio |
| 2147 | cfaf-t | S-ro Fang Fang Cao, Biological Dept. Liao Ning Educational, CN-Institute Liaoning, Ĉinio |
| 2148 | igho-j | S-ro Gongse I, Pangbaedong Sambo Apt. Ma-1104 Sĭchong, Seoul - 137-060, Korea Resp |
| 2149 | fjan-o | S-ro janis Feldmanis, Grizupes 106-36, Liepāja 3400, Latvio |
| 2150 | vjtu-d | S-ro Ulris Vitols, Aisteres 7-47, Liepāja 3400, Latvio |
| 2151 | rmm-t | S-ro Marko Rauhamaa, 450 Via Colinas, Westlake VLG CA 91361, Usono |
| 2152 | bmak-b | S-ro Bill Mak, 1571 rue Rachel est appt. #10, Montréal, Que, Kanado H2J 2K4 |
| 2153 | refi-j | S-ro Renato Figueira, 31, Lotiss. la Tuilerie, FR-66400 Torreilles, Francio |
| 2154 | lgen-u | S-ino Gentili Laura, Via XX Settembre 27, IT-52100 Arezzo, Italio |
| 2155 | tkgm-p | S-ino Miyako Takagi, Japanio |
| 2156 | cgfr-o | S-ro Ciro Gomes de Freitas, Caixa Postal 246 Ag. Centro, BR-78600-000 Barra do Garças - MT, Brazilo |
| 2157 | dcsa-f | S-ro Adelino De Castro, Shin QL 09 Conjunto 06 Casa 07, BR- Brasilia DF, Brazilo |
| 2158 | dcsj-m | S-ro Jean De Castro, Shin QL 09 Conjunto 06 casa 07, BR- Brasilia DF, Brazilo |
| 2159 | dcsl-e | S-ino Lys De Castro, Shin QL 09 Conjunto 06 Casa 07, BR- Brasilia DF, Brazilo |
| 2160 | dcsv-e | S-ino Vania De Castro, Shin QL 09 Conjunto 06, Casa 07, BR- Brasilia DF, Brazilo |
| 2161 | burf-m | S-ro Philippe Bourdelon, 2, rue Millet, FR-64140 Lons, Francio |
| 2162 | cfai-e | S-ro Fang Ying Cai, No 20-1 Taian Hutong, CN- Yanji, Jilin, Ĉinio |
| 2163 | mgud-e | S-ro Guo Dong Mu, No 18 Dong Yang, Xiao Ying Xiang, CN- Yanji, Jilin, Ĉinio |
| 2164 | xshz-s | S-ro Sheng Zhe Xu, No 82 Yimin st., CN- He Long, Jilin, Ĉinio |
| 2165 | yzha-q | S-ino Zhen Ai Yan, No 28-2 Ru Yilu Tong, CN- Yanji, Jilin, Ĉinio |
| 2166 | felu-b | S-ino Audrey Felby, 6 Dorset Street, Semaphore Park, Aŭstralio S.A. 5019 |
| 2167 | rfei-v | S-ro Robert Felby, 6. Dorset Street, Semaphore Park, Aŭstralio S.A. 5019 |
| 2168 | smcu-f | S-ro Evgenij Smurov, ul. Lenina 20-45 Moskovskaja obl., RU-141960 Zaprudnja, Taldomskij Raj., Rusio |
| 2169 | liim-d | S-ino Kaija Liimatainen, Lehtirannankatu 3, FI-92100 Raahe, Finnlando |
| 2170 | oksn-p | Ulla-Maija Oksanen, Hämeentie 58-60 D 35, FI-00500 Helsinki, Finnlando |
| 2171 | vmor-a | S-ro Vjekoslav Morankić, Lipa 40/E, HR-51000 Rijeka, Kroatio |
| 2172 | plug-n | S-ro A.P.G. Ploeg, v. Konijnenburgstraat 12, NL-7606 KC Almelo, Nederlando |

| | | |
|---|---|---|
| 2173 | sfgx-d | S-ino Gemma Safarjan, ul. Krivošt 16-21, UA-334233 Jalta, Ukrainio |
| 2174 | jerm-j | S-ino Vida Jerman, ul. Republike Austrije 7, HR-41000 Zagreb, Kroatio |
| 2175 | ppou-o | S-ro Poul Krv Poulsen, Benløseparken 19, I th, DK-4100 Ringsted, Danio |
| 2176 | trad-l | S-ro Tomislav Radić, Račkoga 10, HR-41000 Zagreb, Kroatio |
| 2177 | bsju-h | Pack Sujong, Mandok Elementary School Taedokmyon Tamyanggun, Chonnam - 517-890, Korea Resp. |
| 2178 | brtk-o | S-ro Slavomír Barták, Vackova 88, CZ-61600 Brno 12, Ĉeĥio |
| 2179 | hude-j | F-ino Jana Hudečková, Repinova 22, CZ-701 00 Ostrava 1, Ĉeĥio |
| 2180 | joun-o | S-ro Jouni Lehtivaara, Satukuja 1 H 46, FI-02230 Espoo, Finnlando |
| 2181 | sleh-v | S-ino Sirkka Lehtivaara, Kauppiaankatu 8-10 A 7, FI-00160 Helsinki, Finnlando |
| 2182 | wees-b | S-ro Edo Weessink, Lentokonetehtaantie 8 B 14, FI-33900 Tampere, Finnlando |
| 2183 | vulr-g | S-ro Hassan Ramezani Volodjerdi, P.O. Box 13445 - 915, Tehran, Irano |
| 2184 | aakr-q | S-ro Abid Ali Kureshi, Meo Colony St 2 Near Jamen-Aloom Ma'asoom, PK-Shah Road Multan, Pakistano |
| 2185 | mgh-j | S-ro Muhammad Akram Rougha, 72/7M Gariinwala Out Side Pak Gate, PK- Multan, Pakistano |
| 2186 | hsla-d | S-ino Hewen Slak, 2718 Goddard, Toledo OH 43606, Usono |
| 2187 | pled-v | S-ino Pauline Ledeen, 1620 Poppy Peak Dr., Pasadena CA 91105, Usono |
| 2188 | slak-w | D-ro Stefan Slak, 2718 Goddard, Toledo OH 43606, Usono |
| 2189 | alpt-f | S-ro André L.P. Tiago, Avda Rudge 700 Bom Retiro, BR-01134-000 São Paulo - SP, Brazilo |
| 2190 | pvep-j | S-ro Paulo César Pereira, Legio de Bona Volo, BR- Sao Paulo, Brazilo |
| 2191 | cdcs-e | S-ino Carla Da Costa, IT-55050 S. Lorenzo a Vaccoli, Italio |
| 2192 | lidc-v | S-ro Liliano Da Costa, Borgo a Mozzano, IT- Lucca, Italio |
| 2193 | pldc-e | S-ro Pier Luigi Da Costa, IT-55050 S. Lorenzo a Vaccoli, Italio |
| 2194 | gonm-b | S-ino Naomi Goda, 949-2 Harago Fukaya-shi, Saitama, 366, Japanio |
| 2195 | aaal-i | S-ro Aristóphio A. Alves Filho, p/a Litova Esperanto-Asocio ab.k.167, LT-3000 Kaunas C, Litovio |
| 2196 | dalg-j | S-ino Dalia Gaišyte, str. P.Plechavičiaus 22-37, LT-3043 Kaunas, Litovio |
| 2197 | dege-h | S-ro Gediminas Degesys, str. Pulko 92-17, LT-4580 Alytus, Litovio |
| 2198 | gdvc-a | S-ro Aloyzas Gudavičius, str. Tilžes 50-23, LT-5409 Šiauliai, Litovio |
| 2199 | jotk-h | S-ino Danute Jotkeliene, str. Sodų 22-11, LT-5720 Palanga, Litovio |
| 2200 | jsud-a | Algimantas Sudeikis, Janušava, LT-4180 Anykščiu raj, Kavarsko pšt., Litovio |
| 2201 | nuaa-d | S-ino Núbia Andrade Alves, p/a Litova Esperanto-Asocio ab.k. 167, LT-3000 Kaunas C, Litovio |
| 2202 | onag-s | S-ino Ona Gaišiene, str. P. Plechavičiaus 22-37, LT-3043 Kaunas, Litovio |
| 2203 | pial-g | S-ro Algimantas Piliponis, Karolinskių 3-93, LT-2044 Vilnius, Litovio |
| 2204 | rimg-f | S-ino Rima Gaišyte, str. P. Plechavičiaus 22-37, LT-3043 Kaunas, Litovio |
| 2205 | vbru-g | S-ino Veronika Bružilaite, Reikjaviko g. 6-4, LT-5815 Klaipėda, Litovio |
| 2206 | vmat-u | S-ino Vaidilute Matuzevičiene, str. Urbšo 15-36, LT-3042 Kaunas, Litovio |
| 2207 | msra-v | S-ino Raye Masson-Barban, 114 av. Danielle Casanova, FR-94200 Ivry sur Seine, Francio |
| 2208 | degu-z | S-ro Kyotaro Deguti, Oomoto Tenon-kyô, Kameoka-si, Kyôto-hu, 621, Japanio |
| 2209 | duti-l | S-ino Mayuko Deguti, Ômoto Tenon-kyô, Kameoka-si, Kyôto-hu, 621, Japanio |
| 2210 | hgsc-b | S-ino Sachiko Higashio, Yoko-cho 22-1 Kameoka-shi, Kyôto-hu, 621, Japanio |
| 2211 | hujn-s | S-ro Noriyasu Hujikura, Sugano 5-6-9 Ichikawa-shi, Thiba-ken, 272, Japanio |
| 2212 | huus-b | s-ino Humiko Usui, p/a Oomoto, Ten'on-kjo, Kameoka-si, Kioto-hu, 621, Japanio |
| 2213 | jaai-f | S-ino Aiko Jamaŝi, Kasaoka 5931-5 Kasaoka-shi, Okayama-ken, 714, Japanio |
| 2214 | jtak-q | S-ro Takasi Yamashi, Kasaoka 5931-5 Kasaoka-shi, Okayama-ken, 714, Japanio |
| 2215 | kbtm-i | S-ro Kubota Masaru, Miyake-cho 1-4-13, Kameoka-shi, Kyoto-fu, 621, Japanio |
| 2216 | mimk-v | S-ino Keiko Mima, Oomoto, Ten'on-kjo Kameoka-ŝi, Kioto-hu, 621, Japanio |
| 2217 | nakj-e | S-ro Hirohiko Nakajoo, Teraike-naka-machi 65 Toyoma-machi, Tome-gun, Miyagi-ken, 987-07, Japanio |
| 2218 | sgpp-e | S-ro Ippei Saga, Tenzin-machi 2-1-10 Kanazawa-shi, Ishikawa-ken, 920, Japanio |
| 2219 | noku-l | S-ino Kume Nobunaga, Harazima 3-12-1-6 Okayama-shi, Okayama-ken, 703, Japanio |
| 2220 | oohi-d | S-ro Hiromu Oonisi, p/a Oomoto Tenon-kyô, Kameoka-si, Kyôto-hu, 621, Japanio |
| 2221 | oohi-k | S-ro Hiroki Oonishi, Ikeda-cho, Aza-yamada 383-8 Miyoshi-gun, 778, Tokushima-ken, Japanio |
| 2222 | oomm-p | S-ino Michie Ooba, Jurakumawari-higashi-machi 24-2 Nakagyo-ku, Kyoto-shi, Kyoto-hu, 604, Japanio |
| 2223 | shim-s | S-ro Sachio Shimazaki, p/a Oomoto Tenon-kyô, Kameoka-si, Kyôto-hu, 621, Japanio |
| 2224 | smne-x | S-ino Sato Mine, Kitakose-machi 1-3-11 Kameoka-shi, Kyoto-fu, 621, Japanio |
| 2225 | ssac-p | S-ino Sachiko Saga, Tenzin-machi 2-1-10 Kanazawa-shi, Ishikawa-ken, 920, Japanio |
| 2226 | uena-l | S-ino Akiko Uenaka, 30-1008, 13 ban-cho, Wakayama-si, 640, Japanio |
| 2227 | wadm-z | S-ro Masato Wada, Fujimi 4-14-25 Higashimurayama, Tokyo, Japanio |
| 2228 | yagi-d | S-ino Midori Yagi, Jurakumawari-higashi-machi 24-2 Nakagyo-ku, Kyoto-shi, Kyoto-hu, 604, Japanio |
| 2229 | lihy-z | S-ino Hai Yue Li, No 15 Dan Xin Wei Bei Shan St., CN- Yanji City, Jilin Pr., Ĉinio |
| 2230 | lzhb-h | S-ro Zhe Li, No 15 Dan Xin Wei Bei Shan St., CN- Yanji City, Jilin Pr., Ĉinio |
| 2231 | zhcf-f | S-ro Chun Feng Zheng, No 7 Xi Yang Wei Chao Yang St., CN- Yanji City, Jilin Pr., Ĉinio |
| 2232 | wjcn-x | S-ino Anna Wojciechowska, ul. Kasprowicza 30/15, PL-01-871 Warszawa, Pollando |

*daŭrigota...*

kongresa karuselo ................................................ julio 24 lundo

Tampereo '95

# Vekilo kongresa

3

## Historiaj eventoj dum la Inaŭguro

### Repaciĝo inter UEA kaj Lapenna

La Inaŭguro de la kongreso finiĝis per la adiaŭa festparolo de **John Wells**, kiu retrorigardis ne nur al sia 6-jara prezidanta periodo, sed faris ankaŭ resumon pri la ŝanĝoj de la ekstera mondo kaj de nia movado en la pasintaj 40 jaroj.

"... ni ne plu bezonas ekstazi pro ĉiu alumetskatolo, kiu portas la nomon Esperanto, ĉar subite por ni pledas Umberto Eco. Ke nove anoncita Nobel-premiito scias kaj uzas Esperanton – tio altiras pli da jurnalisma atento, ol ekzotika poŝtkarto el eksterlando..."

John Wells metis finan punkton ankaŭ al 21-jara vundo en nia historio, diskutoj pri la rolo de longdaŭra antaŭa prezidanto de UEA, prof. **Ivo Lapenna**.

Nome de UEA li deklaris, ke *"forte bedaŭras la personajn atakojn, ofendojn, insultojn kaj kalumniojn kontraŭ Prof. D-ro Ivo Lapenna faritajn en ligo kun la elekto de nova Estraro de UEA en 1974 Mi esperas, ke neniam denove tia situacio makulos nian historion"*.

La ĉeestantoj per granda aplaŭdo esprimis sian kontenton.

Fine la prezidanto dankis la laboron de la oficistoj de la Centra Oficejo, aparte al **Osmo Buller kaj Simo Milojeviĉ**, sen kiuj la estraranaj taskoj estus nemezureble pli malfacilaj. La eliranta prezidanto transdonas al la sekvanto asocion en bona ordo.

### Aldonoj al la honora komitato

Post la presado de la kongresa libro sian honorkomitatanecon konfirmis membro de la Eŭropa parlamento **Erkki Tuomioja** kaj la prezidanto de la Samea parlamento **Pekka Aikio**.

### Finnlanda prezidento ricevis Zamenhof-premion.

Al la prezidento de la respubliko de Finnlando **Martti Ahtisaari** estis aljuĝata premio Zamenhof. La decido estis publikigita en la solena inaŭguro de la kongreso. Ahtisaari estas la kvina ricevanto de la premio dum ĝia dekjara ekzisto. La premiosumo estas 3000 usonaj dolároj.

La estraro de UEA konsideris la longan karieron de Ahtisaari ĉe Unuiĝintaj Nacioj i.a. en la sendependiĝo de Namibio.

La premio estas transdonita al la prezidento lunde antaŭtagmeze en la somera rezidejo de la prezidento en Naantali.

### 53 salutoj el 51 landoj

La reprezentantoj de 51 diversaj landoj salutis la kongeson en la tradicia vico da salutoj en la malfermo. Estis du salutantoj el Uzbekio kaj ĉar krome TEJO salutis aparte, la entuta nombro da salutantoj estis 53. El du alternativoj, kiujn la estonaj reprezentantoj proponis la publiko elektis kantan saluton anstataŭ la kutima vorta saluto, kiujn la reprezentantoj rajtis diri al la publiko.

La plej grandajn aplaŭdojn ricevis la reprezentanto de Esperanto-Ligo de Bosnio kaj Hercegovino, **Sefik Rizvanovic**, kiu mallonge rakontis pri la situacio de sia lando. Dum lastaj jaroj la esperantistoj kaj la esperanto-ligo sukcesis tamen protekti siajn vivojn. Ankaŭ la reprezentanto de Jugoslavio s-ino **Terezija Kapista** igis la kongresanojn aplaŭdi dum ŝi volis ion kiu ne estas komercaĵo kaj ne aĉetebla en la libroservo: la pacon.

Simo Milojevic kiel kutime funkciis kiel doganisto, kiu limigis la kvanton de vortoj, kiujn la reprezentantoj rajtis diri al la publiko.

### R. Selten kaj H. Tonkin en la Honoran Patronan Komitaton

La komitato de UEA akceptis inter la membroj de la Honora Patrona Komitato de UEA du famajn esperantistojn: d-rojn **Reinhard Selten** (Germanio), nobel-premiito, kaj **Humphrey Tonkin** (Usono) antaŭa prezidanto de UEA.

La Komitato decidis ankaŭ pri la akcepto de novaj honoraj membroj:

**Georgo Abraham** (Argentinio), **Barbara Cvetkova** (Rusio), **Elfriede Ernst** (Belgio), **Joachim Giesner** (Germanio), **Adamo Goralski** (Kanariaj Insuloj), **Han Moo-Hyup** (Koreio), **Julius J. Manson** (Usono), **Eduard V. Tvarozek** (Slovakio).

### Ambasadoroj en la inaŭguro

La inaŭguron ĉeestis la ambasadoroj de la Ĉeĥa respubliko **Dana Hunátová**, kiu invitis la partoprenantojn al la venontjara UK en Prago, kaj de Israelo **Moshe Gilboa** kaj de la Korea respubliko d-ro **Kim Nae-sung**. Ĉeestis ankaŭ la urbestro de Valkeakoski s-ro **Pertti Kataja**, kiu prezidas la Ligon de Finnaj-Polaj Amikec-societoj kaj la direktoro de la eksterlanda servo de la Pola Radio, **Jerzy Marek Nowakowski**.

### Lupago per ludado

**Harri Miettunen**, la tubjisto, kiu ludis dum la solena inaŭguro, pagis sian lupagon pro la uzo de salono Zamenhof de la Centra Oficejo per sia ludado nun en la UK.

Antaŭ kelkaj jaroj li studis tubjoludadon en Roterdamo kaj mankis al li taŭga praktikejo. La problemo solviĝis kiam li estis invitata praktiki en la Centra Oficejo semajnfine.

## Rezolucio de la blindula kongreso

**Rezolucio** de la 61-a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj, okazinta en Tuusula, Finnlando, 18-21 de Julio 1995, kun 77 partoprenantoj el 20 landoj, al LIBE, ĝiaj landaj asocioj kaj la vidhandikapitaj Esperantistoj ĝenerale.

***Premisoj***

1. La vidhandikapuloj havas multajn komunajn interesojn, kaj estas dezirindaj translimaj kontaktoj ne nur inter iliaj organizajoj, sed ankaŭ inter unuopaj vidhandikapuloj.

2. Malgraŭ la nuna relative malmulta aplikado de Esperanto inter la vidhandikapuloj, Esperanto daŭre ankaŭ inter ili estus pli efika internacia komunikilo ol la etnaj lingvoj, se ĝia potencialo estus ekspluatata.

3. Rezolucioj favoraj al la uzado de Esperanto, direktitaj al ekster-Esperantistaj medioj, kutime ne donas rezulton.

4. Teoria pledado por Esperanto eble rezultigos teorian apogon ĉe la aŭtoritatuloj kaj la ĝenerala publiko, sed ne vekos entuziasmon nek stimulos agemon.

5. Se la teoria pledado estas akompanata de praktika pruvado pri la taŭgeco de Esperanto kiel komunikilo, la eksteraj medioj estas pli facile instigeblaj al agado, precipe se la pruvado ligiĝas al temo, kiu interesas la koncernajn eksterajn mediojn.

***Rekomendoj***

1. LIBE iniciatu konferencojn, kiuj havu Esperanton kiel ĉefan laborlingvon, sed kiuj uzu ankaŭ aliajn laborlingvojn. Krom Esperantistojn kompetentajn pri la konferencaj temoj oni invitu al tiuj konferencoj i.a. reprezentantojn de blindulorganizajoj landaj kaj internaciaj. La temoj de la konferencoj estu tiom interesaj aŭ aktualaj, ke la reprezentantoj pretus partopreni ilin pro persona intereso kaj ne nur pro komplezemo. Ekzemploj de tiaj temoj estus: aliro de vidhandikapuloj al diversaj kampoj de la socia kaj kultura vivo; internacia normigo de brajlo sur diversaj kampoj (interpunkciaj signoj, fakaj notacioj, adapto al diversaj komputilaj normoj); praktika tutmonda solidareco inter handikapuloj.

2. LIBE instigu aranĝantojn de internaciaj ferioj por vidhandikapuloj enmeti Esperantokursojn en la programojn de la ferioj; LIBE proponu instruistojn por tiaj kursoj, kaj vidhandikapitaj Esperantistoj diverslandaj partoprenu la feriojn, montrante al la kursanoj la taŭgecon de Esperanto en la praktiko.

3. Vidhandikapitaj Esperantistoj laŭeble iniciatu en siaj propraj landoj, regionoj aŭ lokoj Esperantokursojn por vidhandikapitaj gejunuloj. La partoprenantoj de la 61-a IKBE konscias, ke tiaj kursoj en la nuna situacio estas malfacile realigeblaj, unue ĉar pro la integra instruado estas malfacile kunigi sufiĉe da lernantoj, kaj due ĉar la konkurenco de aliaj ofertoj estas forta. Por havigi lernantojn por Esperantokursoj konvenas proponi ian interesan aktivecon postkursan, eventuale aranĝatan de LIBE; kaj por ke tia aktiveco realiĝu, estus rekomendinde, ke LIBE kunordigu la kursojn.



## Notu bone!

***Programŝanĝo***

La tempo de la vendreda koncerto je 12.00 de Jomart kaj Nataŝa ŝanĝiĝis. Ĝi okazos jam en mardo je 21.00.

Inverse la koncerto de Bronŝtejn kaj Puĥova ne okazos en mardo sed en vendredo je 12.00.

## Kongresa temo pri la vivmedio

La lunda subtemo de la kongresa temo estas pri "vivmedio kaj evoluigo" sub la gvido de d-ro **Wim De Smet**, kiu ankaŭ enkondukos la matenan sesion je 10.15 en salono Lapenna. En la sesio parolos krome:

**Stefan Maul** pri 50 jaroj de kreskantaj minacoj kontraŭ la vivmedio,

D-ro **Werner Bormann** pri rilatoj inter ekonomia kresko kaj vivmedio,

**Gilbert Ledon** pri la vivmedio sennaciece tra la mondo

**Ursula Grattapaglia** pri la UN-konferenco pri la vivmedio en Rio de Janeiro en 1992.

Posttagmeze je la 15-a en salono Ramstedt eblas prezenti personajn opiniojn pri la problemoj de vivmedio (mallonge, po kvin minutoj). Je la 16-a komenciĝos la debato pri la prezentitaj opinioj kaj rezoluciaj konkludoj.

***Anne Frank rabate***

Duonjarcento dividas nin de la milito, kiu viktimigis ankaŭ la talentan Anne Frank. Legu "Anne Frank ne estas de hieraŭ", nun rabatpreze aĉeteblan en la Libroservo.

## Vizito al la infanoj

Vizito al la Internacia Infana Kongreseto por gepatroj kaj aliaj interesitoj okazos marde 25.7. vespere. Aŭtobuso ekveturos antaŭ la ĉefa enirejo de la kongresejo je la 18-a horo. Bonvolu anonci vin ĉe Informejo por rezervi lokon en la aŭtobuso. Kosto 10 mk. Reveno ĉ. je la 21-a horo al la kongresejo.

Merkrede antaŭtagmeze vizitos geonkloj jurnalistoj la IIK:n.

La kongreseto ekskursos tuttage ĵaŭde la 27-an. Tiam vi povas trovi la infanojn i.a. en Mumin-valo je la 13-a horo aŭ vi povas grimpi kun ili al la supro de la turego Näsinneula je la 17-a.

## OH3 E estas radioamatora stacio de la kongresejo

En la kongresejo estas radioamatora stacio, kies voko estas OH3 E. Ĉiuj kongresanoj estas kore bonvenaj konatiĝi al radioamatora hobio kaj renkonti la operatorojn de la stacio. Se vi volas mem fariĝi radioamatoro, vi ricevos informojn kaj konsilojn, kiuj helpas vin plenumi la deziron.

Kongresanoj, radioamatoroj rajtas uzi la stacion. La operatoroj OH2 LPE (Raimo) kaj OH2 KL (Ove) bonvenigas vin!

## El Popola Ĉinio -legantoj kunvenas marde matene

Legantoj kaj perantoj de "El Popola Ĉinio estas kore invititaj al la kunsido, kiu okazos la 25-an de julio (marde) je 9.00-10.00 en la salono Waringhien (en la teretaĝo). Ideoj kaj konsiloj pri EPĈ estas kore petataj kaj tre bonvenaj. Maltrafontoj bonvolu kontakti s-ron DAI Songen, kn. 2030.

## La unua azia kongreso venontjare

La Unua Azia Kongreso de Esperanto okazos 22-25-a de aŭgusto 1996 en Ŝanghai, Ĉinio. Interesitoj estas informitaj pri la detaloj de la kongreso dum la kunsido "Azia agado" marde je 12.00-14.00 en salono Hodler. Varman bonvenon ne nur al la kunsido sed ankaŭ al la kongreso.

---





## Unua IKU-AIS -studsesio komencis.

Lunde startis la unua komuna "dumkongresa studadsesio" de AIS kaj UEA. Profesoro **Jouko Lindstedt** malfermis kiel rektoro la 48-an sesion de la Internacia Kongresa Universitato (IKU) kaj mem lekciis pri "la deveno de la slavoj". El la vidpunkto de AIS la ok IKU-lekcioj konstituas "prelegserion", kies vizitantoj povos atestigi la partoprenon kiel akiritan studunuon ĉe AIS. Same ampleksas unu studunuon la 8-hora AIS-kurso, kiun komencis hieraŭ d-ro **Mauro La Torre**.

Kondiĉe ke la ĉijaraj spertoj kontentigos kaj la respondeculojn kaj de UEA kaj de AIS, pli ampleksa kunlaboro eblos dum la venontjara 81-a Universala Kongreso en Prago. Dum telefona interkonsiliĝo kun AIS-prezidanto, profesoro Helmar Frank, jam promesis la nobelpremiito pri ekonomiko, profesoro **Reinhard Selten** realigi kurson kadre de la eventuala Praga "dumkongresa" studsesio kaj partopreni en la 81-a UK kune kun sia edzino, kiu estas malnova esperantistino.

Eventuale la Praga studadsesio eĉ fariĝos tutsemajna, antaŭkongresa aŭ postkongresa studsesio, laŭ la modelo de la sanmarinaj universitataj sesioj (SUS) realigota kunlabore kun la Karla Universitato Prago; ĉi tiu jam estas subskribinta koncernan kunlaborkontrakton kun AIS.

---

*Katolikaj diservoj*

En katolika preĝejo en la strato Amurinkuja 21A – mallonge de la Aleksandra-preĝejo. Dum la tuta semajno ĉiutage je 8h15. Gvidas pastro Stanislavo Stolz kaj aliaj pastroj.

---

*– Farita en Finnlando –*

La 22-an sabatan lotumon gajnis kn 1223, **Inger Sjöberg**, Svedio.
La 23-an dimanĉan lotumon gajnis kn 1297, **Tatjana Kulakova**.

*Vizitkarto*

Kongresa n-o ______________

Nomo ______________

## Lastatempaj aliĝoj

| | | |
|---|---|---|
| 2232 | wjcn-x | S-ino Anna Wojciechowska, ul. Kasprowicza 30/15, PL-01-871 Warszawa, Pollando |
| 2233 | wjto-c | S-ro Tomasz Wojciechowski, ul. Kasprowicza 30/15, PL-01-871 Warszawa, Pollando |
| 2234 | aini-z | S-ino Aini Vaarániemi, FI-93590 Vanhala, Finnlando |
| 2235 | hrva-s | S-ro Henri Vaarániemi, FI-93590 Vanhala, Finnlando |
| 2236 | mst-n | Anna Esteri Makkonen, Tikkatie 6 J as 5, FI-52200 Puumala, Finnlando |
| 2237 | atva-o | S-ro Attila Varro, Lebstück Maria ut. 67, HU-1041 Budapest, Hungario |
| 2238 | ahet-j | Aftar Etemadi, Sohrevardi Gonubi Kuĉeh Laŝgari, Nr. 6, Tehran 15667, Irano |
| 2239 | azla-u | F-ino Azar Faraĝi, 80, Kh.6, Park-vey (Shahid Chamran), Tehran 14-417, Irano |
| 2240 | fars-z | S-ino Farifte Saeedi (Rabiee), P.O. Kesto 19835/373, Tehran, Irano |
| 2241 | jsaz-w | S-ino Jila Sedighi, 12+1 K. Yegane Kh. Iran-shahr Shamali, Tehran 15-846, Irano |
| 2242 | prsa-o | S-ino Parmoush Saniee, No. 187, 1 Mostofi St. Yosefabad Ave, Tehran 14-347, Irano |
| 2243 | polv-y | S-ino Anna Polverini, Via XX Settembre 27, IT-52100 Arezzo, Italio |
| 2244 | mcmy-v | S-ino Mayumi Matsuda, 244-20 Hon-Machida Machida, Tokio, Japanio |
| 2245 | savg-r | S-ro Barry Savage, 8-405 Chung-Hwa Apt. Itaewan-dong, Yongsan-ku, Seoul, Korea Resp. |
| 2246 | jeng-d | S-ro Ma Young-tae, MA-106, Dong-a Apt. Daechi-dong, Gangnam-gu, Seoul - 135-280, Korea Resp. |
| 2247 | hwng-f | S-ino Hwang Ungsun, Dong-a Apt. MA 106 Daechidong, Gangnamgu, Seoul - 135-280, Korea Resp. |
| 2248 | aiki-l | S-ino Aiko Kitazawa, Hassamu 2-jo 1-3-13, Nishi-ku, Sapporo-shi, Hokkai-do, 063, Japanio |
| 2249 | akhk-h | S-ro Akihiko Katou, Aioi-cho 40-5, Ayabe-shi, Kyoto-hu, 623, Japanio |
| 2250 | assm-h | S-ino Akiko Shimamoto, Minakuchi-cho, Honmaru 1-23, Kooka-gun, Shiga-ken, 528, Japanio |
| 2251 | dcmj-e | S-ro Mayumi Deguchi, Terada-Miyano-tani 2-23, Jouyo-shi, Kyoto-hu, 610-01, Japanio |
| 2252 | hchz-u | S-ino Chizuko Horiuki, Minakuchi-cho, Izumi 4-21, Kooka-gun, Shiga-ken, 528, Japanio |
| 2253 | iwms-z | S-ro Sadao Iwamoto, Miyakita-cho 2-7-503, Hirakata-shi, Osaka-hu, 573, Japanio |
| 2254 | kytk-b | S-ro Kiyoshi Takahashi, Heiwa 398, Nishi-ku, Sapporo-shi, Hokkai-do, 063, Japanio |
| 2255 | mkdm-p | S-ino Mika Kodama, Ishido-haichu 3-326, Hukuyama-machi, Kubota-aza, Ishido 23-1, Kooriyama-shi, Hukushima-ken, 963, Japanio |
| 2256 | myak-h | S-ro Kazuto Miyashita, Kishisato 3-3-2, Nishinari-ku, Osaka-shi, Osaka-hu, 557, Japanio |
| 2257 | nbks-i | S-ino Nobuko Shimamoto, Minakuchi-cho, Honmaru 1-23, Kooka-gun, Shiga-ken, 528, Japanio |
| 2258 | nmsh-y | S-ino Naomi Mishima, Choukouji-cho 316, Oumihachiman-shi, Shiga-ken, 523, Japanio |
| 2259 | rnsh-n | S-ino Rie Nishino, Takasago - manshon 905, Takasago 3-3-10, Urawa-shi, Saitama-ken, 336, Japanio |
| 2260 | ryks-j | S-ro Ryouji Kasahara, Saganodan-machi 1-6, Ukyo-ku, Kyoto-shi, Kyoto-hu, 616, Japanio |
| 2261 | sgkg-r | S-ino Kagami Sagano, Yoko-cho 18-3, Kameoka-shi, Kyoto-hu, 621, Japanio |
| 2262 | shkn-f | S-ro Kunihiko Shimamoto, Minakuchi-cho, Honmaru 1-23, Kooka-gun, Shiga-ken, 528, Japanio |
| 2263 | stkh-z | S-ro Takehiko Shimamoto, Minakuchi-cho, Honmaru 1-23, Kooka-gun, Shiga-ken, 528, Japanio |
| 2264 | tkah-m | S-ro Haruki Takano, Kon-ya-machi 52, Kameoka-shi, Kyoto-hu, 621, Japanio |
| 2265 | ttntk-t | S-ino Tomoko Takahashi, Heiwa 398, Nishi-ku, Sapporo-shi, Hokkai-do, 063, Japanio |
| 2266 | tskk-l | S-ino Akiko Tsuji, Musa-cho 539, Oumihachiman-shi, Shiga-ken, 523, Japanio |
| 2267 | yano-x | S-ro Katsuo Yano, Nakatsutura 180-14, Hachiman cho, Tokushima-shi, Tokushima-ken, 770, Japanio |
| 2268 | ykkw-r | S-ino Yukiko Kawamura, Maruyama-nishi-machi 4-6-11, Chuou-ku, Sapporo-shi, Hokkai-do, 064, Japanio |
| 2269 | ymms-x | S-ino Masako Yamada, Dorimu 30-205, Kita 30-jou, Higashi 19-3-1, Higashi-ku, Sapporo-shi, Hokkai-do, 065, Japanio |
| 2270 | ymsm-d | S-ro Masami Yamada, Dorimu 30-205, Kita 30-joo, Higashi 19-3-1, Higashi-ku, Sapporo-shi, Hokkai-do, 065, Japanio |
| 2271 | ymyh-e | S-ro Youhei Yamamoto, Koonan-cho, Oaza Terasho 1044, Kooka-gun, Shiga-ken, 520-33, Japanio |
| 2272 | yshs-z | S-ro Yasumi Hirose, Yoko-cho 21, Kameoka-shi, Kyoto-hu, 621, Japanio |
| 2273 | ystk-r | S-ro Yoshitomo Kodama, Ishido-haichu 3-326, Hukuyama-machi, Kubota-aza, Ishido 23-1, Kooriyama-shi, Hukushima-ken, 963, Japanio |
| 2274 | hbmc-e | S-rino Melanie Huberl, Göthe-strasse 1, AT-2231 Strasshof, Aŭstrio |
| 2275 | pdan-l | S-ro Daniele Pesce, Via de Amicis 55, IT-10097 Collegno (Torino), Italio |
| 2276 | hony-r | S-ro Yuusuke Honjyoo, Nishikanazawa 2-84-3, Kanazawa-shi, Ishikawa-ken, 921, Japanio |
| 2277 | tmdn-q | S-ro Naohiko Tamada, Shiojiri-apato, Kitakase-cho 2-13-5, Kameoka-shi, Kyoto-hu, 621, Japanio |
| 2278 | zhqy-q | S-ro Qian Yuan Zhang, The Fine Arts Department Suzhou Educational College, CN-234000 Anhui, Ĉinio |
| 2279 | kezi-b | S-ino Rosalie Koezian, Hohenburgerstr. 55, DE-92280 Kastl, Germanio |
| 2280 | rzha-e | S-ro Hassan Ramazani, P.O.B. 13445-915, Tehran, Irano |
| 2281 | klmo-w | S-ro K.L. Molnar, Minahassastraat 34 C, NL-1094 RZ Amsterdam, Nederlando |
| 2282 | szcr-p | Suzanne Caron-Richer, 2625 Regina app 1104, Ottawa, Ontario, Kanado K2B 5W8 |
| 2283 | cmka-j | S-ro Andrej Ĉumakov, 3-ij Novopodmoskovnyj per., RU-125130 Moskvo, Rusio |
| 2284 | krir-g | S-ino Irina Eduardovna Kirillova, Kirova 32-22, RU-634041 Tomsk-41, Rusio |
| 2285 | mlld-z | S-ro Gabriel Maillard, Borde 28, CH-1018 Lausanne, Svislando |
| 2286 | pfda-g | S-ro Daniel Pfeifer, Münstererstrasse 5, DE-60326 Frankfurt a M., Germanio |
| 2287 | llop-h | S-ro Ramon Llop Talaveron, Industria 45-6-4-1, ES-08202 Sabadell, Hispanio |

kongresa kaserolo ............................................ julio 25 mardo

# Vekilo kongresa

Tampereo '95

4

## Okazis ĉe UEA

### Por la dua fojo Azia prezidanto

La Komitato de UEA elektis en dimanĉo novan gvidantaron por nia asocio. Kun grandega plimulto de voĉoj la eminenta korea esperantisto prof. d-ro **Lee Chong-Yeong** fariĝis la dua prezidanto de UEA el Azio post la japano Hideo Yagi, kiu prezidis UEA antaŭ 35 jaroj. En la baloto Lee ricevis 47 voĉojn kaj nur 4 voĉdonis kontraŭ. Por la ceteraj lokoj en la Estraro aperis 7 kandidatoj, el kiuj la Komitato decidis elekti 6. En la baloto la voĉoj distribuiĝis jene:

| | |
|---|---|
| Mark Fettes (Kanado) | 56 |
| Amri Wandel (Israelo) | 51 |
| Rene Triolle (Francio) | 50 |
| Michela Lipari (Italio) | 48 |
| Fred de Geus (Nederlando) | 48 |
| Povilas Jegorovas (Litovio) | 44 |

Ne-elektita kandidato estis Zlatko Tišljar (Slovenio), kiu ricevis 19 voĉojn.

Antaŭ la elekto de la Estraro la Komitato (pli precize la komitatanoj A kaj B) elektis komitatanojn C, kies maksimuma nombro povas esti kvarono de la sumo de A kaj B. Elektitaj estis J. Bachrich (Venezuelo), B. Casini (Italio), Puramo Chong (Koreio), Dai Songan (Ĉinio), B. Despiney (Francio), H. Huppertz (Nederlando), T. Huzimoto (Japanio), G. Maertens (Belgio), A. Ruysschaert (Luksemburgio), F. Witdoeckt (Belgio), F. de Geus (Nederlando), Z. Tišljar (Slovenio).



### Belartaj Konkursoj de UEA 1995

***Poezio***

1. Gonçalo Neves (Portugalio) pro "Kaŭkazo via";
2. Gonçalo Neves pro "Suda pastoralo" kaj Krys Ungar (Britio) pro "Se unu pasero falos";

Tria premio ne aljuĝita.

Honora mencio: Gonçalo Neves pro "Pereo".

Partoprenis 50 verkoj de 25 aŭtoroj el 17 landoj.

***Prozo***

1. Ulrich Becker (Germanio) pro "La Ajoj kaj la Sezonoj";
2. Liven Dek (Hispanio) pro "Marta kaj Maria";
3. Georgo Kamaĉo (Hispanio) pro "La venko".

Honora mencio: Ulrich Becker pro "Pereo" kaj István Ertl (Nederlando) pro "La plagiato".

Partoprenis 29 verkoj de 22 aŭtoroj el 15 landoj.

***Teatraĵoj***

Unua kaj dua premio ne aljuĝita.

3. Mike Sadler (Britio) pro "Venko" kaj Stefan MacGill (Hungario) pro "La serioza aĉetonto".

Honora mencio: Mike Sadler pro "Re". Partoprenis 6 verkoj de 5 aŭtoroj el 5 landoj.

***Eseo***

Premio "Luigi Minnaja": Kurisu Kei (Japanio) pro "Kiel Esperanto helpis al mi solvi enigmojn de 'Riporto'";

2. Alberto Garcia Fumero (Kubo) pro "Arkaika parolado en Esperanto" kaj Éva Tófalvi (Hungario) pro "La du testamentoj de Sándor Szathmári";
3. Gonçalo Neves (Portugalio) pro "La lirika itinero de Miguel Fernández".

Partoprenis 11 verkoj de 11 aŭtoroj el 10 landoj.

***Kanto***

Premio "An-Song-san": David Gaines (Usono) pro "Povas plori mi ne plu";

2. Tarcisio José de Lima (Brazilo) pro "Ĉia dolor'";

Tria premio ne aljuĝita.

Honora mencio: Tarcisio José de Lima pro "Kara kor'".

Partoprenis 8 kantoj de 6 aŭtoroj el 6 landoj.

***Infanlibro de la jaro 1994:*** "La malgranda sorĉistino" de Otfried Preussler, trad. el la germana de E-amikoj de Durmersheim-Rastatt, eldonita de Inter-Kulturo/Esperanto-Freunde (Slovenio/Germanio). Partoprenis 9 libroj de 4 eldonejoj.

***Premio "Nova Talento":*** Mao Zifu (Ĉinio) pro la poemoj "La tuta vivo" kaj "Fendo".

### Du novaj landoj en la familion de UEA

UEA nun havas 57 aliĝintajn landajn asociojn. La du plej novaj estas Rumana Esperanto-Asocio kaj Unuiĝo Togolanda por Esperanto. Ankaŭ Katalona Esperanto-Asocio prezentis aliĝpeton, sed la Komitato prokrastis ĝian traktadon ĝis la venonta jaro. La problemo estas, ke laŭ la statuto ne estas dezirinde, ke en sama lando UEA havu pli ol unu landan asocion. En Hispanio jam ekzistas Hispana Esperanto-Federacio kiel landa asocio de UEA. La definitiva decido pri la afero dependas de la rezultoj de intertraktoj inter UEA, **HEF** kaj KEA.

### La kongreso plantis esperanto-arbon

La nova prezidanto de UEA Lee Chong-Yeong, la prezidanto de EAF Jukka Pietiläinen, la reprezentanto de la urbo Tampereo, direktoro pri la planado Reijo Hautala kaj la vicprezidanto de loka esperanto-societo Lauri Häkli plantis arbon en la apudan parkon. Por la nova prezidanto la arboplantado estis la unua tasko en lia nova ofico.

La arbo estas la plej nova objekto pri esperanto kaj ĝi eventuale sukcesos ankoraŭ eniri en baldaŭ aperontan libron pri la esperanto-objektoj.

*– Recenzo –*

### Rakontoj pri Sarajeva sieĝo

Ĵus finiĝis la prezento de s-ino Jadwiga **Gibczynska** "Rakontoj pri Sarajeva sieĝo" kaj mi nun sidas por verki recenzon.

Recenzo pri kio? Pri ŝia lerta kaj profesieco? Ĉiuj konas ĝin! Pri la teksto? Ĉu eblas recenzi la nuntempon, la faktojn, la ĉiutagan kronikon de proksima kaj ne malgrava mondoparto?! Pri la larmoj, kiuj briligis la okulojn de ĉeestantoj?! Pri la sentoj, la emocio, la angoro, kiuj kaptis nin ĉiujn ne plu kapablaj rekapti la "normalan kongresan vivritmon"? Eĉ aparte konataj "cinikaj" viroj, bone konantaj la tekston por la unua fojo ploris en esperantujo. Tiu do ne estu recenzo, sed invito al la kongresanoj, kiuj ankoraŭ ne travivis tian sferon, ĉeesti la duan eksterprograman prezenton —.

*Michela Lipari*

### Rondo Kato Esperantista Katamikaro

Rondo Kato estas grupo de esperantistoj, kiuj ŝatas bestojn kaj speciale katojn. La grupo fondiĝis antaŭ ok jaroj kiel korespondа grupo de katŝatantoj. La grupo pliaktiviĝis kaj kreskis depost 1994 okaze de ekfunkcio de komuna bulteneto "Informfolioj de Kat-Amikaro". En ĝi la membroj kontribuas kaj interŝanĝas bildojn, poemojn, ideojn kaj rakontojn pri siaj favorataj katoj.

Nun Rondo Kato havas membrojn en 24 diversaj landoj kaj daŭre kreskas. Dum la kongreso la rondo havas oficialan renkontiĝon kaj informadon marde 25-an de julio en salono Ramstedt 11.00-12.00. Ankaŭ eblas kontakti la redaktorinon de la bulteno s-ino Ingrid Näsholm, kn 1947.

### Internacia geedziĝo

Du svedaj geesperantistoj, Nina Andersson (kn. 1844) kaj Kent Kilby (kn. 1842) geedziĝis lunde je la 15h00 en la plej malnova protestanta preĝejo (j. 1400) Messukylä. Internacia Esperanto-ĥoro kantis en la ceremonio.

### Kial A.C. Doyle malamis Sherlock Holmes?

La verkisto Arthur Conan Doyle malamis sian detektivon Sherlock Holmes, sed kial? Pri tio vi ekscios en la prelego de Kobayashi Tsukasa marde je 14.15 en IKU-prelego en salono Lapenna. Laŭ la preleganto la krim-rakontoj de Holmes parte atestas ankaŭ pri la situacio en la aŭtora hejmo.

### Pri lingvopolitiko neesperanta kaj esperanta

Jen la oferto de la esperantologia konferenco, ĵaŭde 9.00-11.00 en salono Waringhien.

Venu kaj aŭskultu prelegojn kaj debatojn pri aspektoj de la lingvopolitiko en internaciaj organizaĵoj, institucioj kaj regionoj, pri la sukcesoj kaj malsukcesoj de Esperanto kiel lingvopolitika alternativo kaj pri klopodoj ellabori koheran lingvo-politikon de la Esperanto-komunumo pri sia lingvo mem.

Prelegos Mark Fettes, Humphrey Tonkin, Werner Bormann, Sergej Kuznecov, Michael Cwik, Detlev Blanke kaj Amri Wandel (laŭ la sekvo de prelegoj).

### Plurlingvanoj serĉataj

Mi serĉas personojn, kiuj vivis kelkajn jarojn en minimume tri diversaj landoj kaj parolas tri, aŭ pli, diversajn naciajn lingvojn; por dialogi pri la atingitaj spertoj. La kolektitaj faktoj devus esti elementoj por socipsikologia esplorprojekto.

Nia tezo estas: Spertoj en diversaj landoj helpas forigi la antaŭjuĝojn kontraŭ fremduloj, ekestitajn tra naciaj edukado kaj kutimoj.

Kun la lernado de esperanto jam komencas tiu proceso, sed ekde la kono kaj sperto de tri kulturoj eblas superiĝi la dialektikajn kontraŭaĵojn de nacioj. Aŭ se vi ne konsentas kun tiu tezo, via diskutado estas ankaŭ bonvena!

Mi dejoros ĵaŭde je la 11h00 ĉe la vestrako T-U.

*S-ro Eugen Macko, kn 765*

## Notu bone!

*Marde*

La tempo de la vendreda koncerto je 12h00 de ***Ĵomart & Nataŝa*** ŝanĝiĝis. Ĝi okazos jam en mardo je 21h00.

Vizito al ***IIK***: aŭtobuso ekiras de la kongresejo je 18h00. Reveno ĉ. 20-21h. Kostas 10 FIM. Gepatroj kaj aliaj kongresanoj bonvenaj.

Vesperumado sur la insulo ***Viikinsaari***, inter alie *saŭnado*. Ekveturo de la amasloĝejo Kalevan lukio je 16h00. Ni promenos al la haveno Laukontori kaj pluveturas per ŝipo. La veturo kostas 20 FIM.

***Merkrede***

Je 19h00 memserva tablo kun finna menuo en la manĝejo de la amasloĝejo Kalevan lukio. 40 FIM pageblas surloke.

Je 21h00 koncerto de ***Gabia & Miečislav*** en la amasloĝejo.

Je 22h00 koncerto de ***Persone*** en la amasloĝejo.

Post la koncerto diskoteko ĝis la 3-a horo.

Al kursoj de la junulara programo ĉiuj estas bonvenaj. Pli ekzakta programo haveblas en la amasloĝejo – aperis en la unua KK.

***Ĵaŭde***

La aranĝo 'UEA pri kongresoj' ne okazos en la salono *Setälä* je 11h 30, sed en la salono ***Lehtivaara*** je 9h00-10h00.

Kunsido por ***juristoj*** je la 10h30 post renkontiĝo ĉe la informejo. Kontaktu s-inon ***Urueña***, kn 167.

***Medicinistoj:*** UMEA-jarkunveno je la 9h00 en la ĉambro Ramstedt.

Vizito al medikamento-fabriko Leiras je la 13h00. Aŭtobuso atendos antaŭ kongresejo. Por scii ĝi kiom granda aŭtobuso estos bezonata bv. skribi Vian nomon sur la liston ĉe pordo de unua helpo. Plian informon Vi ricevos de kongresa kuracisto (unua helpo ĉambro aŭ portebla tel. 950-552 6188).

## La 25a ĉefkunveno de IPTEA

La 23an de julio 1995 en la salono "Setälä" okazis la 25a ĉefkunveno de la Internacia Poŝtista kaj Telekomunikista E-Asocio (IPTEA). Ĝin prezidis **Raymonde Perault** el Francio.

La prezidanto de IPTEA s-ro **Draguŝko Petrov** el Bulgario raportis pri la fakagado por la periodo 1992-95 kaj fiksis la plej gravajn taskojn antaŭstarantajn en la proksima estonteco.

Poste dipl.inĝ. **Veikko Mäki-Luopa** el Finnlando prelegis pri la temo "Radio-ondoj kaj la 100-jaraj radioantenoj". Li kompletigis sian prelegon per la tabelo kun la dividado de la radio-ondoj en 9 frekvencoregionojn, bildoj pri diversaj antenoj de la plej simplaj drat- kaj stab-antenoj ĝis la paraboloid-antenoj kaj du veraj antentipoj.

En la kunveno partoprenis 17 personojn el 11 landoj.

## Kunveno de EVA

Okazis dimanĉe kunveno de EVA (Esperantlingva Verkista Asocio). En ĉeesto de pluraj nemembroj, kiuj povis kundiskuti sed ne voĉdoni, la membroj priparolis la staton de la asocio, la problemojn kaj la planojn. Decidite estas, i.a., ke la nova kasisto estas s-ro Paul Peeraerts; okazos kolokvo tuj post aŭ tuj antaŭ la UK en Prago; ree funkcios EVA-konkurso, ĉiun duan jaron, pri libroforme aperigotaj verkoj. Pli da informoj aperos en la E-gazetaro.

*Gerrit Berveling*
*prezidanto de EVA*

---

***Senpaga libro***

Por la biblioteko de via E-klubo aŭ por tiu de via urbo, presisto afable proponas al vi *senpagan libron* por konigi kolekton, kiun li presas.

Interesitoj bv. doni adresojn al kn. 432 aŭ rekte al Eldonejo **Prosveta**, CH-1808 Monto-de-Corsier, Svislando. Vidu katalogon proksime al la rendevua tabulo.

## Kunsido de Skolta Esperanto-Ligo

En la dimanĉa kunveno por geskoltoj partoprenis 20 interesuloj, kiuj diskutis la agadon. Ĝi dum la pasinta jaro vigliĝis kaj espereble dum la sekvonta jaro ankaŭ pliboniĝos la enkasigo de la membrokotizoj.

Post la kunveno estis ebleco viziti la ejon de la skoltina trupo Näsin tytöt. La finnaj skoltinoj rapide lernis kelkajn esperantajn frazojn kaj povis kun siaj gastoj ludi kaj kanti.

*Carola Antskog*

## Aldono al kuracista servo

Ĉu iu sanproblemo malhelpas Vin kongresi? En la kabineto de la "Unua helpo" Vi povas ricevi kuracadon per rapida kaj simpla metodo Su-Jok (mano-piedo korea lingv.) Metodo estas efika kontraŭ multaj malsanoj kaj nedanĝera. Kelkaj kongresanoj jam spertis tion kaj ĝojas pri la rezultoj. Vin kuracos aŭ informos pri la metodo kuracisto **Alfredas Maruŝka** (UMEA LD) ĉiutage ekde 9 ĝis 11 h.

---

***Alvoko al medicinistoj***

Nova revuo por kineziterapiistoj kreiĝas en Francio. La redaktoro intencas malfermi rubrikon pri tiu profesio tra la mondo. Se vi mem estas, aŭ se vi povas peri kontaktojn, turnu vin al **Renée Triolle**, kn. 1116, kaj vi ricevos pliajn klarigojn. Dankon pro via kunlaboro.

***TAKE – la domo***

Tutmonda Asocio de Konstruistoj Esperantistoj promociigas esperanton en la profesiaj medioj, kiuj rilatas al domo, konstruado, ĝardeno, konsumado ktp. Kontaktoj kaj kunlaborantoj serĉataj por peri rilatojn kun fakaj lernejoj, profesiuloj .k.s. **Renée Triolle**, kn. 1116.

***Komputilistoj!***

Disponeblas jam programo malmultekosta por tekstoredaktado en esperanto. Petu informojn de

*Lawrence Mee, kn 90.*

## Brazilanoj muzikas

La brazila muzika ensemblo "Encanto da Terra" (Sorĉo de l'Tero) konsistas el familio De Castro, kiu unuafoje partoprenas Universalan Kongreson de Esperanto.

La ensemblo estas profesi-nivela kaj kunportis al Finnlando kompletan ekipaĵon por prezenti muzikpecojn el la tuta mondo, kun aparta atento al operaj klasikaĵoj.

Lys De Castro, kiu per siaj nur 13 jaroj vere reprezentas novan generacion de oper-kantistinoj, interpretas kun sia patro Adelmo famajn ariojn; Jean De Castro, kune kun la patrino Vania Iudas ampleksan gamon de muzik-instrumentoj. La tuta familio kantas kaj ludas en Finnlando en la kadro de eŭropa turneo en diversaj landoj.

La prezentadoj de la ensemblo okazos ***merkrede*** je la 19h00 (urbocentro), ***ĵaŭde*** je la 21h00 (Zamenhof) kaj ***vendrede*** dum la Internacia Arta Vespero (Zamenhof).

## Israelo daŭre kantas

Stoketo de la kasedo "Israelo ne ĉesas kanti" – popularaj israelaj kaj jidaj kantoj alvenis al la libroservo. La kantoj, kun esperantaj tradukoj de J. Kohen-Cedek, J. Murjan kaj A. Wandel estas kantitaj de la profesia israela kantistino Tova Ben-Cvi, kaj profesie akompanataj, kun kompletaj tekstoj.

## Notu bone!

La kontaktoadreso de Ĵomart & Nataŝa estas neĝusta en la kongresa libro. Kontaktu ilin: c/o Vadim Azbel, Hyppingeplan 22 N.b., S-16362 Spånge, Svedio.

---

*– Farita en Finnlando –*

La 24-an lundan lotumon gajnis kn 1932, **A. Harju**

***Vizitkarto***

Kongresa n-o ______________

Nomo ______________

## Lastatempaj aliĝoj

| | | |
|---|---|---|
| 87 | | Arthur Sly (mankas en la kongresa libro) |
| 2288 | srlz-p | S-ino Rosaura Alvárez Sainz, Industria 45-6-4-I, ES-08202 Sabadell, Hispanio |
| 2289 | ogat-u | S-ro Tosio Oga, Tonden 4jo 3chome 6-16 Kita-ku, Sapporo Hokkaido, 001, Japanio |
| 2290 | dtbh-d | S-ro Danny ten Haaf, Clarensteeg 2 G, NL-2312 WJ Leiden, Nederlando |
| 2291 | ezij-h | S-ino Ellen Zijlstra, Clarensteeg 2 G, NL-2312 WJ Leiden, Nederlando |
| 2292 | sash-y | S-ino Sarah Schotsmans, Maria Henriettalei 10/bus 8, BE-2018 Antwerpen, Belgio |
| 2293 | jlel-t | S-ro Jorge Antonio Leoni de León, Apartado 7603-1000, CR- San José, Kostariko |
| 2294 | ernt-n | S-ro Rolfo Ernst, Talwiesenstr. 150, CH-8055 Zürich, Svislando |
| 2295 | mem-d | S-ro Erkko Markus Mäki, Metsäkuja 5 D 7, FI-05160 Hyvinkää, Finnlando |
| 2296 | osva-p | S-ino Yaeko Osaki, 2-20-15-204 Toyotama-kita, Nerima-ku, Tokyo, Japanio |
| 2297 | gvil-f | S-ino Gabija Vileniškienė, str. Taikos 131a, LT-3031 Kaunas, Litovio |
| 2298 | inja-y | S-ino Ingrida Jakobsen, str. Paryžiaus Komunos 20-13, LT-5800 Klaipėda, Litovio |
| 2299 | litw-n | S-ro Mieczysław Litwinski, str. Lelijų 6-1, LT-3005 Kaunas, Litovio |
| 2300 | ruva-p | S-ino Vaičiunaitė Rutta, Rinktinės 44a-28, LT-2005 Vilnius, Litovio |
| 2301 | fdbj-v | S-ro José Fernando Faria de Bastos, Rua Dos Enganos 1-1-o Ap.21 Kinaxixe, AO- Luanda, Angolo |
| 2302 | fdbm-g | S-ro Miguel Albino Faria de Bastos, Edifício América Rua Soeiro Pereira Gomes, 7,9°,906, PT-1600 Lisboa, Portugalio |
| 2303 | fdbt-x | S-ro Tiago Miguel Faria de Bastos, Edifício América Rua Soeiro Pereira Gomes, 7,9°,906, PT-1600 Lisboa, Portugalio |
| 2304 | fddm-y | S-ro David Martins Faria de Bastos, Rua Augusto Costa (Costinha) N-ro 2-9 D, PT-1500 Lisboa, Portugalio |
| 2305 | fdjm-a | S-ino Joana Martins Faria de Bastos, Rua Augusto Costa (Costinha) N-ro 2-9 D, PT-1500 Lisboa, Portugalio |
| 2306 | audi-d | S-ino Kazue Audibert, 1 rue Henri Say, FR-92600 Asnières, Francio |
| 2307 | maud-w | S-ro Michel Audibert, 1 rue Henri Say, FR-92600 Asnières, Francio |
| 2308 | dala-n | S-ino Dagmara Laskowska, ul. Zachodnia 9, PL-66-016 Czerwieńsk, Pollando |
| 2309 | ssmt-m | S-ro Mikael Strussenfelt, Kilstavägen 1A, SE-691 36 Karlskoga, Svedio |
| 2310 | pthr-t | S-ino Roza Petuĥova, Do Vostrebovanija GLAVPOČTAMT, RU-614000 Perm, Rusio |
| 2311 | kesa-l | S-ro Karl-Ernst Salzmann, Am Zollsteig 25, DE-87700 Memmingen, Germanio |
| 2312 | npul-n | Norbert Pulver, Leipzigerstr. 1, DE-61137 Schoeneck, Germanio |
| 2313 | aitu-t | S-ino Tuulikki Airaksinen, Okkerinkatu 8 as 19, FI-40700 Jyväskylä, Finnlando |
| 2314 | tkol-q | S-ro Tuomas Kolju, Puhontie 291, FI-21860 Auvainen, Finnlando |
| 2315 | skul-s | S-ro Stojan Kulevski, Boška Buhe 4/2, YU-21000 Novi Sad, Jugoslavio |
| 2316 | jlmc-o | S-ro John C. Roberts, 19 White Horses Way, Littlehampton, Britio BN17 6NH |
| 2317 | djkn-d | S-ro Emmanuel Djikoune, Village de Seughalène Dép. Oussouye, SN- Région Ziguinchor, Senegalio |
| 2318 | aboh-v | S-ino Anita Boharewicz, ul. Armii Krajowej 48/7, PL-19-300 Ełk, Pollando |
| 2319 | agdo-p | S-ino Agata Gołdowska, ul. Grodzieńska 4/28, PL-19-300 Ełk, Pollando |
| 2320 | arcz-j | S-ino Renata Arczyńska, Wądzyn 24, PL-86-022 Dobrcz, Pollando |
| 2321 | bbrj-x | S-ino Beata Barej, Olszówka 24, PL-96-319 Korytów, Pollando |
| 2322 | beas-l | S-ino Beata Sułasińska, ul. Ogińskiego 17/19, PL-59-506 Jelenia Góra, Pollando |
| 2323 | bsak-j | S-ino Barbara Sak, ul. Grodzieńska 24/4, PL-19-300 Ełk, Pollando |
| 2324 | djka-q | S-ro Daniel Jakub Kalinowski, ul. Kościuszki 4b/5, PL-86-100 Świecie, Pollando |
| 2325 | dpla-u | S-ino Dorota Pilecka, ul. Sikorskiego 2/72, PL-19-300 Ełk, Pollando |
| 2326 | drcz-d | S-ino Aleksandra A. Drączak, ul. Berlinga 2/15, PL-85-791 Bydgoszcz, Pollando |
| 2327 | dymm-h | S-ino Marta Dymek, ul. Wojska Polskiego 72 b/10, PL-19-300 Ełk, Pollando |
| 2328 | dzkm-m | S-ino Marta Dziekońska, ul. Wileńska 3/17, PL-19-300 Ełk, Pollando |
| 2329 | ewms-h | S-ino Ewelina Mściechowska, ul. Wileńska 3/21, PL-19-300 Ełk, Pollando |
| 2330 | hnna-k | S-ino Hanna Borek, Czarze 124, PL-86-071 Czarze, Pollando |
| 2331 | iwgo-r | S-ino Iwona Góralczyk, ul. Wiejska 22, PL-87-300 Brodnica, Pollando |
| 2332 | izal-v | S-ino Izabela Algerowicz, ul. Hoża 14/43, PL-87-800 Włocławek, Pollando |
| 2333 | jacm-d | S-ro Jacek Misiołek, ul. Mieszka I 2/66, PL-89-100 Inowrocław, Pollando |
| 2334 | jgal-y | S-ino Justyna Gałecka, ul. Cicha 12 c /4, PL-96-100 Skierniewice, Pollando |
| 2335 | jkbc-b | S-ino Małgorzata Jakubczak, ul. Przyjazna 2/15, PL-85-858 Bydgoszcz, Pollando |
| 2336 | jmno-r | S-ro Jerzy Marek Nowakowsky, Pola Radio, PL- Varsovio, Pollando |
| 2337 | ktzr-j | S-ino Katarzyna Radke, Wojska Polskiego 165/13, PL-86-100 Świecie, Pollando |
| 2338 | kzma-y | S-ino Anna Kaźmierowska, ul. Storczykowa 68, PL-87-100 Toruń, Pollando |
| 2339 | lgor-m | S-ino Lucyna Górnowicz, Książąt Pomorskich 8/6, PL-89-604 Chojnice, Pollando |
| 2340 | liol-k | S-ino Lidia K. Olszowa, Liszkowice 43, PL-88-111 Rojewo, Pollando |
| 2341 | mbaug-k | S-ino Małgorzata Baumgart, ul. Kujawska 113/2, PL-85-151 Bydgoszcz, Pollando |
| 2342 | mdan-r | S-ino Marta Danielczyk, ul. Wileńska 9/52, PL-19-300 Ełk, Pollando |
| 2343 | mgds-x | S-ino Magdalena Szostak, Olszewka 30/3, PL-89-100 Nakło n/Not., Pollando |
| 2344 | mobo-b | S-ino Monika Bogdan, ul. Wojska Polskiego 66/16, PL-19-300 Ełk, Pollando |

*daŭrigota...*




kongresa katedralo ................................................ julio 27 ĵaŭdo

# Vekilo kongresa




## Notu bone!

*Ĵaŭde*

La familio ***De Castro*** prezentas opera-ariojn je la 21h00 en la salono *Zamenhof*.

La aranĝo 'UEA pri kongresoj' ne okazos en la salono *Setälä* je 11h 30, sed en la salono ***Lehtivaara*** je 9h00-10h00.

Kunsido por ***juristoj*** je la 10h30 post renkontiĝo ĉe la informejo. Kontaktu s-inon ***Urueña***, kn 167.

***Medicinistoj:*** UMEA-jarkunveno je la 9h00 en la ĉambro Ramstedt.

Vizito al medikamento-fabriko Leiras je la 13h00. Aŭtobuso atendos antaŭ kongresejo. Por sciiĝi kiom granda aŭtobuso estos bezonata bv. skribi Vian nomon sur la liston ĉe pordo de unua helpo. Plian informon Vi ricevos de kongresa kuracisto (unua helpo ĉambro aŭ portebla tel. 950-552 6188).

*Vendrede*

San-franciskanoj renkontas:

Partoprenantoj, -intoj kaj -ontoj (studentoj kaj profesoroj) kaj aliaj kiuj havas intereson renkontas je la 18h00 ĝis la 20h00 en restoracio en ekspozicia halo.

***Aŭtoraj duonhoroj*** en libroservo:

10.00 Stefan Maul (Deklingva manlibro pri politiko)
10.30 József Baksa (Ŝtupo post ŝtupo)
11.00 Ivan Naumov
11.30 Eduard V. Tvarozek
12.00 Marjorie Boulton
12.30 Nikola Rasic (La rendo familia)
14.30 Amri Wandel
15.30 Werner Bormann, Helmar Frank
16.00 Kvar sezonoj de Marijam Nazami (prezentas Reza Kheir-Khah)
17.00 Andrzej Pettyn
17.30 Janus Di Censo (Trosermo)

## Grava referenc-dokumento por la Esperantistoj pri lingvo-politiko en la Eŭropa Unio

***Konkludoj de la Konsilio de la 12a de junio 1995 pri lingva diverseco kaj plurlingvismo en la Eŭropa Unio (Mallongigita enhavo de Konsilia dokumento 7755/95)***

La Konsilio de la Eŭropa Unio

1. asertas la gravecon por la Unio de la lingva diverseco kiu estas esenca aspekto de la Eŭropaj dimensio kaj identeco kaj de la komuna kultura heredaĵo;
2. substrekas la implicojn de tiu diverseco rilate al demokratio, kulturo, socio kaj ekonomio;
3. konsideras ke la evoluo de la inform-socio prezentas novajn ŝancojn por plur-lingvismo kaj lingva-diverseco;
4. konstatas ke la lingva-diverseco estas parto de la nacia kaj regiona diverseco de la Membro-Ŝtatoj kaj ke la Komunumo devas konsideri tiun aspekton en siaj agadoj;
5. emfazas ke la lingva-diverseco devas esti konservata kaj la plurlingveco en EU stimulata;
6. rememorigas, ke subteno de la civitanoj por integrita Eŭropo postulas garantion ke la lingvoj de la Unio estas respektataj kaj egalrajtan aliron al informado;
7. bonvenigas la rezolucion de la 31a de marto 1995 pri la plibonigo kaj diversigo de la lingvo-lernado kaj instruado en la lernejoj de le EU helpe de la programoj SOKRATES, LEONARDO kaj YOUTH FOR EUROPE;
8. notas la intencon de la Komisiono prezenti komunikon pri la lingvaj aspektoj de la inform-socio;
9. substrekas la gravecon de la lingva dimensio en la eksteraj rilatoj de la Eŭropa Unio;
10. invitas la Komisionon preni en konsideron la lingvan-diversecon kaj plurlingvecon de la Eŭropa Komunumo en siaj agadoj kaj politikoj;
11. petas la Komisionon starigi inventaron de politikoj kaj aktivadoj kiuj rilatas al lingva-diverseco kaj plurlingvismo;
12. petas la Komisionon starigi labor-grupon de reprezentantoj de la Membro-Ŝtatoj celantan kontroli ke la lingva-diverseco kaj la plurlingvismo estas respektata en la politikoj kaj agadoj de la Unio kaj
13. rekonfirmas la gravecon kiun ĝi donas al la egalrajteco de la oficialaj lingvoj kaj labor-lingvoj.

Informoj de Michael Cwik, Kn 755 kaj Brian Moon, Kn 396

Koncerteto de ***IIK***-anoj je la 11h00 ĝis 12h00 en la salono *Waringhien*.

En la kongresa libro sur p. 73 estas eraro. La aranĝo de ISAE je 12h15 ne estas en la salono *Vilkki*, sed en la salono ***Gregor***.

Kongresanoj, kiuj perdis ion, bonvolu ankoraŭfoje demandi en informejo antaŭ via foriro.

## Korekto

En la marda artikolo pri Belartaj Konkursoj estis malĝuste presitaj la nomoj de du verkoj de prozo:

Tria premio: Georgo Kamaĉo (Hispanio) pro "***Neniam plu***".

Honora mencio: Ulrich Becker pro "***La venko***".

Redakcio bedaŭras la mistajpon.

## Florsemajnoj vokas

Vendrede la 28-an de julio komenciĝos la tradiciaj Tamperaj florsemajnoj. Ili ekhavas centon da diversaj aranĝoj kaj por ili la lokaj florvendistoj ornamos la urbocentron.

La inaŭgura parado ekiros de la placo Tullintori, proksime al la kongresejo, je la 17-a horo kaj ni esperas, ke ni povu kolekti grupon da diverslandaj esperantistoj sub la verda flago partopreni la paradon. Ekiro ĉe la ĉefa pordo de la kongresejo je 16h20.

Ekde 15h00 ĝis la 18h00 funkcios sur la centra placo giganta frandajtablo, ĉe kiu dekoj da lokaj restoracioj vendas porcie siajn plej ŝatatajn specialaĵojn.

Por tiuj, kiuj restos en la urbo post la kongreso ofertiĝas koncertoj ktp. ĉiutage. Petu pliajn informojn ĉe la kongresa informejo.

## Mondcivitaneco – globa etiko

Okaze de la 50-jariĝo de UN vaste diskutatas ĝia reformado kaj pluevoluigo. Tiukadre lastatempe kelkaj instancoj de UN kaj diversaj organizaĵoj faris proponojn por ellaboro de idea fundamento sur kiu plukonstruiĝu UN en la sekva jarmilo – inter ili Bahaa Internacia Komunumo (BIK).

En la aranĝo de Bahaa Esperanto-Ligo (BEL), jaŭde je la 11-a horo en Hedler, estos prezentata Mondcivitaneco kiel eventuala kerno de onta globa etiko akceptota far UN.

***Abonu Kontakton kun rabato!***

"*Kontakto* estas unu el la malmultaj Esperantaj revuoj, kiujn eĉ kun fiero oni povas montri al ne-esperantistoj!" Tiel deklaris d-ro Detlev Blanke en la kunsido de la Komitato de UEA.

Ĉu vi jam estas abonanto de *Kontakto*? Se ne, en tiu ĉi UK vi povas pagi la abonon kaj ricevi rabaton de 20%. (Vidu la prezojn en la Kongresa Libro, p. 33.) Vi povas pagi al la kasisto de UEA.

## Por esperantoinstruado en malriĉaj landoj

La 24-an de julio en la Kunveno de Agadgrupo por federacia Eŭropa lingvopolitiko (AFEL) s-ro Kobiela Leon el Pollando parolis pri "Plurlingveco en Eŭropa Unio". Laŭ li nur unu lingvo, t.e. planlingvo esperanto povas plenumi la rolon de internacia komprenilo en EU kaj poste ankaŭ en la tuta mondo.

Sed ĉar la tempo urĝas, oni devas baldaŭ fondi Internacian Fonduson por Ministerioj pri Edukado en ĉiuj landoj postkomunismaj kaj ankaŭ en iuj ne-riĉaj kapitalismaj landoj por reorganizi la instruadon de esperanto, nome: eduki la esperantistajn instruistojn, eldoni milionojn da lernolibroj, multobligi la E-bibliotekojn kaj fine enkonduki esperanton kiel devigan lingvon en ĉiujn diversgradajn lernejojn.

Tiuj landoj ne havas monon por reorganizi kaj prepari instruadon, ĉar la buĝeta mono ne sufiĉas eĉ por salajroj kaj la instruistoj foje strikas pro malaltaj salajroj. La priparolata fonduso povus estiĝi helpe de pruntoj por 10 jaroj.

## ASISTI

Membroj de kaj interesiĝantoj pri ASISTI (Asocio de la Studado Internacia pri Spiritaj kaj Teologiaj Instruoj) kolektiĝu je la 12h30 jaŭdon la 27-an en Hodler. Estos informoj pri la lasta ISE (Interreligia Seminario Esperantista) kaj pri pluaj planoj. *kn 145*

## Muzika E-ligo jarkunvenos

La jarkunveno de MEL okazos jaŭde je 11h30 supre en la granda salono de la amasloĝejo, malantaŭ la kongresejo. Venu ĉiuj muzikamantoj! Ŝanco por konatiĝi, kunligi kaj kontribui al la E-muzikantaro.

## Vizitu interesajn muzeojn!

La laborista muzea kvartalo en Amuri (Makasiininkatu 12) kaj Muminvalo-muzeo (Hämeenpuisto 20) en ĉefa biblioteko havas gvidilojn en esperanto. Petu ilin aĉetante bileton.

## El la mondo

***Lundo 24.7.***

*Francio.* En Parizo okazis nova teroro-frapo. Proksime al la katedralo Notre-Dame iu bombo eksplodis en metroa vagono. 4 personoj mortis kaj dekoj vundiĝis.

*Ĉinio* pafis ekzerco-misilojn proksime al la mar-bordoj de Tajvano. Samtempe Tajvano aranĝis militajn ekzerco-manovrojn ter-flanke ĉe la samaj bordo-strioj. Ambaŭ faraĵoj volas elmontradi la militan forton de la koncerna lando.

***Mardo 25.7.***

*Danio.* En pluraj landoj de Eŭropo okazas demonstradoj kontraŭ la franca testado de nukleaj armiloj proksime al insulo Mururoa. En Danio eĉ la ĉef-ministro P. Rasmussen promesis aliĝi al farota perbiciklo-marŝo.

*Israelo.* Ŝimon Peres kaj Jaser Arafat devis pro nova bombo-eksplodo rompi sian dialogon. Peres proponas daŭrigon en alia lando, sed Arafat deziras daŭrigi samloke kiel ĝis nun. Ili ankoraŭ atendas la sepultadon de la morto-viktimoj.

***Merkredo 26.7.***

*Nederlando.* La monda ĉef-tribunalo en den Haag deklaris la serbajn milit-gvidantojn Karadzic kaj Mladic kondamnitaj pro agado genocida. Tio signifas, ke la fronto-servaj organoj de UN ricevis formalan rajton por kapti kaj transdoni la diritajn personojn en eventuala ebleco.

*Bosnio.* En orienta Bosnio la serboj konkeris la regionon de Zepa. La civila loĝantaro fuĝis sur ĉirkaŭan cirklon de montetoj. Ili estas preskaŭ 20.000 bosniaoj. La ĉefministro de Bosnio Haris Silajdzic volas, ke Un-trupoj evakuu la virinojn kaj infanojn.

*Israelo.* Arafat (65-j.) ricevis sian unuan gefilon. Lia edzino naskis la bebon en Parizo pro la necertaj cirkonstancoj de Gaza. La patro planas por si salutan vojaĝeton al Parizo. Poste la patrino kun la bebo revenos al Gaza.

# Raportoj el dumkongresaj kunvenoj

## Radioaŭskultantoj

Lunde tagmeze ĉ. 60 kongresanoj partoprenis kunvenon de radioaŭskultantoj. Malfermante ĝin komisiito de UEA pri radioaferoj, **A. Pettyn**, esprimis la ĝojon, ke ĉiam pli da e-istoj interesiĝas pri radioelsendoj, kiuj estas grava rimedo de informado kaj lingva memkleriĝo.

Salutis reprezentantoj de la radioj: Ĉina, Kuba, Estona, Pola, Radio Melbourne. Sekve la ĉeestantojn alparolis la estro de la Eksterlanda Servo de Pola Radio, **Jerzy Marek Nowakowski**, kiu raportis pri la nuna situacio de Pola Radio post la transformiĝo de ŝtata radio en publikan radion. Multe da atento li dediĉis al la E-elsendoj de PR, kiuj laŭ li estas plene subtenindaj ĉar ili bone kontribuas al internacia kompreniĝo.

**Bruno Masala**, kiu gvidis la debatojn, informis pri la celoj de AERA (Amikaro de Esperanto en Radio) – nova organizaĵo fondita kiel fakgrupo de OSIEK-organizaĵo, kiu celas helpi la vastigon de la aplikado de E-o en radiostacioj, iniciati novajn E-elsendojn kaj liveri konstante ĝisdatigatajn dokumentojn al la membroj (frekvencaro, adresoj, ktp.). Interesiĝantoj skribu al Bruno Masala, 2 rue des Vignes, FR-57530 Coincy, Francio. Oni povos aliĝi al AERA dum la kongreso, ĵaŭde je la 9h00 ĉe la kunveno de radiojurnalistoj (salono Vilkki).

## Samseksemuloj

Lunde, ĉe la loka geja grupo SETA, la L.S.G. (Ligo de samseksemaj geesperantistoj) okazigis sian jarkunvenon. Getriopo da SETA-anoj regalis dudekon da L.S.G-anoj per kafo kaj interŝanĝo de informoj pri gejaj vivo kaj spertoj tra la mondo. Oni diskutis pri la kutimaj temoj, elektis novan estraron kaj solene memoris forpasintajn anojn. L.S.G. definitive decidis estonte okazigi siajn jarkunvenojn plene en la kadro de la UK-oj ĉe la kongresejo.

*Arnold Victor, kn. 128*

## Filatelistoj

Marde kunvenis filatelistoj kaj kolektantoj (ELF-AREK). La novaj membrokotizoj estas 60 germanaj markoj por okcidentanoj kaj duono por la aliaj. La ĉeestantoj aŭdis informojn pri noveldonita broŝureto pri Ĉina kalendaro, pri la organo de ELF-AREK "La Verda Lupeo" kaj pri diversaj nov-malkovritaj e-filatelaĵoj el la pasinteco. S-ro V. Kocavara (Ĉeĥio) montris la projekton de la simbolo de la venontjara UK en Prago. Ankaŭ oni informis pri diversaj esperantaĵoj lastatempe eldonitaj.

## Fervojistoj

Marde okazis la feervojista kunveno kun ĉeesto de 54 gekolegoj el 16 landoj. La ĉeestantoj aŭdis raporton el antaŭnelonge okazinta 47-a IFEF kongreso (Pecs, Hungario).

Poste s-ro J. Giessner, honora prezidanto de **IFEF** prelegis pri la vojo de la fervoja esperanto-terminaro ĝis 1995. Li akcentis, ke 11a lingva fakterminaro de Internacia Fervojista Unuiĝo enhavas pli ol 12 mil terminojn inter ili ankaŭ esperantlingvajn.

Poste sekvis vigla diskuto pri la sekvontjara IFEF-kongreso, Internacia Fervojista Skisemajno kaj kelkaj landaj jarkunvenoj.

## Radioamatoroj

La esperantistaj radioamatoroj jarkunvenis marde. Post la kunveno kaj dankoj al la lokaj radioamatoroj por la starigo de la radiostacio OH3E, oni elektis novan estraron: prezidanto Wolf Krüger DL6UDX, vicprezdanto Hans Welling DJ4PG, sekretario Kaj Stidell SH5DAD kaj kasisto Jean-Jacques Noël F6ILR.

Estis konfirmita, ke la eldonon de la Bulteno de ILERA nun ne plu zorgos la sekretario, sed laŭvice pluraj volontuloj el diversaj landoj. La partoprenantoj recenzis la diversajn rondojn laŭ tempo kaj frekvenco. Estis pridiskutataj pluraj temoj, interalie konkurso, paketradio kaj konfirmkartoj.

## Artistoj

Lunde kunvenis la membroj de UALE por pritrakti la destinon de la ligo. La kunvenon gvidis la prezidanto Marija P. Almeda el Brazilo. Ŝi informis la ĉeestantojn pri la problemoj kaj pri sanigita financa stato. Estis decidite, ke UALE ne plu estu oficiala fakorganizo de UEA pro la manko de membroj.

La kunsidon ĉeestis ĉirkaŭ dudek personoj, inter kiuj estis artistoj el Pollando, Ĉinio, Norvegio, Koreio, Ukrainio, Brazilo kaj Finnlando.

En la UK troviĝas la ekspozicio de pentristoj el Norvegio, Ĉinio, Brazilo kaj Finnlando. UEA daŭre permesas starigi artekspoziciojn dum UK-oj, se ĝi okazas laŭ la interkonsento kun la koncerna LKK.

## Pli skriba socio estas vera handikapo

LIBE-kunvenon dimanĉe ĉeestis 38 esperantistoj kaj gastoj. La celo estis informi pri la LIBE-agado. LIBE planas eldoni brajlan libron pri esperanto-kulturo, kies manko evidentiĝis dum eksperimenta internacia ekzameno (sukcesis 4 en la meza, 2 en elementa nivelo).

Esprimiĝis kontento pro voĉlegado de "Esperanto" kaj frua livero de kaseta kongreslibro kaj brajla kongresprogramo. Oni dankis al Ralph Harry, kiu mem voĉlegis sian freŝdatan "Aventuroj en Esperantujo".

Otto Prytz klarigis al gastoj kio estas la vera handikapo: aliro al ĉiam pli skriba socio. Pro la amplekso de brajla materialo pluraj uzas komputil-diskojn kun brajlolegilo aŭ voĉ-ilo. La kosto por la plimulto estas troa ŝarĝo.

---

*– Farita en Finnlando –*

La 25-an mardan lotumon gajnis kn 1110, **Aira Vuopala**.

| *Vizitkarto* |
|---|
| Kongresa n-o ______ |
| Nomo ______ |

## Lastatempaj aliĝoj

2345 S-ro Rafal Marzec, ul. Toruńska 22/16, PL-85-023 Bydgoszcz, Pollando
2346 S-ino Magdalena Woźniak, Zielonczyn 60, PL-86-014 Sicienko, Pollando
2347 S-ino Malgorzata Myga, ul. Karpacka 39a/118, PL-85-164 Bydgoszcz, Pollando
2348 S-ro Pawel Rychlewicz, ul. Piotra Skargi 7a/13, PL-89-100 Naklo, Pollando
2349 S-ino Alicja Rogowska, ul. Skarzyńskiego 7/46, PL-85-798 Bydgoszcz, Pollando
2350 S-ino Aneta Rybaruk, ul Warszawska 16/20, PL-89-500 Tuchola, Pollando
2351 S-ino Malgorzata Rybka, ul. Broniewskiego 6b/44, PL-15-730 Bialystok, Pollando
2352 S-ino Lilianna Soltysik, ul. Starogardzka 12/4, PL-81-050 Gdynia, Pollando
2353 S-ino Kinga Sowińska, ul. Waldowska 83 a, PL-87-100 Toruń, Pollando
2354 Stanislawa Piotrowska, ul. Krucza 85/6, PL-53-405 Wroclaw, Pollando
2355 S-ino Justyna Stępien, ul. Dluga 8/4, PL-85-034 Bydgoszcz, Pollando
2356 Malgorzata Sulej, G. Morcinka 1/23, PL-87-100 Toruń, Pollando
2357 S-ro Rafal Szyc, ul. Mickiewicza 4/17, PL-19-300 Elk, Pollando
2358 S-ino Wieslawa Jankowska, ul.E.Orzeszkowej 7, PL-89-203 Rynarzewo, Pollando
2359 S-ino Katarzyna Zaklikowska, ul. Rakowicza 7/34, PL-87-100 Toruń, Pollando
2360 S-ino Aleksandra Ziarnek, ul. Ujejskiego 63/15, PL-85-168 Bydgoszcz, Pollando
2361 S-ino Joanna Zemska, ul. Dworcowa 5/16, PL-88-300 Mogilno, Pollando
2362 S-ro George D. Winkler, Rigistr. 13 8006, CH-Zürich Augsburg, Svislando
2363 S-ro Bertil Nilsson, Ringvägen 37 B, SE-611 35 Nyköping, Svedio
2364 Sebastian Kormluk, ul. Nowodworska 33/47, PL-85-120 Bydgoszcz, Pollando
2365 Gion Ralf Frohlich, Kjellmangatan 13-113, SE-413 18 Göteborg, Svedio

2368 Markko Hämäläinen, Finnlando
2369 Jarmo Palvi, Finnlando
2370 Piekko Palenius, Finnlando
2371 Marjatta Saari, Finnlando
2372 Bekir Karayel, Turkio
2373 Meryem Karayel, Turkio
2374 Jamil Akhtar, Pakistano
2375 Stanislaw Stolz, Pollando
2376 M'hamed Bettahar, Algerio
2377 Mohammad Pezeshki, Irano
2378 Janina Tokarska, Pollando
2379 Ville Koivilä, Finnlando
2380 Oksana Kurpekova, Svedio
2381 Maria del Carmen Segarra, Francio
2382 Arnaud Debeurme, Francio
2383 Floriane Scheers, Francio
2384 Jean Michel Chambreuil, Francio
2385 Martin Morris, Britio
2386 Sirpa Kauppila, Finnlando
2387 Harri Juhani Melasniemi, Finnlando
2388 Ana Montesinos de Gomis, Britio
2389 Wagner Ribeiro de Souza, Brazilo
2390 Marja Helena Kettunen, Finnlando
2391 Trow Øgrim, Norvegio
2392 Laszló Szilvasi, Hungario
2393 Chung Sung Mo, Koreio
2394 Julian Hernandez, Kubo
2395 Maritza Gutiérrez, Kubo
2396 Sini Hämäläinen, Finnlando
2397 Krystyna Zatylna, Pollando
2398 Ulrich Fellmann, Germanio
2399 Gafur Mirzahajev, Uzbekio
2400 Majrona Mirzahajeva, Uzbekio
2401 Eldar Mamedov, Uzbekio
2402 Danit Ŝaĥar, Israelo
2403 Elzbieta Harezlak, Pollando
2403 Attila Varro
2404 Csaba Finta, Finnlando
2405 Jung Hwa Lee, Koreio
2406 Ivan Naumov, Rusio
2407 Francisco Veuthey, C.O.
2408 Juliusz Wasik, Pollando
2409 Andreo Chumakov, Rusio
2410 Sergeo Baev, Rusio
2411 Iodis Pocina, Rusio
2412 Gemma Jafarjaw
2413 Marina Gerasimova, Rusio
2414 Vladimir Meŝkov, Rusio
2415 Dilara Gadirova, Rusio
2416 Jocelyn Priscilla Campbell, Britio
2417 Róbert Nagy, Hungario
2418 Aldo Fiorentin, Italio
2419 Alfredas Maruŝka, Litovio
2420 Paulius Maruŝka, Litovio
2421 Zivile Maruŝkaite, Litovio
2422 Xosé Laurenzo Vidal, Hispanio
2423 Graziani Carmela, Italio
2424 Ginta Liatukaite, Litovio
2425 Gracy Salam, Hindio
2426 Abdul Salam, Hindio
2427 Anna Polverini, Italio
2428 Nikolaos Papetrezis, Grekio
2429 Salme Tiili, Finnlando
2430 Monika Biluik, Pollando
2431 Dorota Szczygiey, Pollando
2432 Wieslawa Gorska, Pollando
2433 Genoweta Ktulsek, Pollando
2434 Maria Rogowska, Pollando
2435 Maria Johan, Pollando
2436 Joanna Sokol, Pollando
2437 Malgorlata Rogowska, Pollando
2438 Elzbieta Malecka Sokol, Pollando

## Lasta sesio de IKU-AIS kurso pri astronomio

Hodiaŭ posttagmeze okazos la kvara sesio de la AIS-IKU kurso de astronomio kaj astrofiziko (je la 16h30 en hotelo Rantasipi; ankaŭ novaj aŭskultantoj estas bonvenaj).

En la unua enkonduka prelego kiu okazis kadre de la IKU ĉeestis 70 kongresanoj, kaj la sekvantaj prelegoj logis ĉ. 50 studentojn. En la astronomia parto de la kurso profesoro M. Maitzen prezentis la historion de la malkovroj lige al la evoluo de la observa teknologio (teleskopoj, instrumentoj, satelita astronomio), dum profesoro A. Wandel prezentis la fizikajn klarigojn, ek de energifonto de la suno kaj strukturo de la steloj ĝis la misteroj de nigraj truoj kaj la evoluo de la universo.

Tuj post la hodiaŭa prelego okazos skriba ekzameno kiun oni povas laŭdezire partopreni.

La okazigo de kurso pri astronomio ankaŭ omaĝas la multjaran kontribuon de la finnaj astronomoj esperantistoj d-rino Liisi Oterma (kongresa n-ro 776) kaj profesoro Väisälä de la universitata observatorio en Turku al la esploro de kometoj kaj asteroidoj. Estas ili kiuj donis la nomojn "Zamenhof" kaj "Esperanto" al du asteroidoj de ili malkovritaj.



### *Abonu al Eventoj*

Iuj kritikas, tre multaj laŭdas Eventoj-n sed ĝi estas vere necesa por esti informita! Vi povas tre simple aboni ĝin por duonjaro pagante 95 markojn al la giĉeto "UEA-kasisto" por la konto ELLS-S, menciante vian kongresnumeron.

2439 Maria Augustyn, Pollando
2440 Barbara Hertel-Pomorska, Pollando
2441 Weronika Brońska, Pollando
2442 Ulrich Farrenkopf, Germanio
2443 Fang Fang Cao, Ĉinio

Tampereo '95

kongresa kalandrilo ........................................ julio 28 vendredo

# Vekilo kongresa

6

## Notu bone!

*Vendrede*

Bazaro por helpi al la nepagipovaj kongresanoj okazos vendrede en la koridoro inter ekspozicia halo kaj la ĉefa kongresejo. La bazaro daŭras dum la tuta vendredo.

Barda koncerto de Mikaelo Bronŝtejn (kaj ne lia koncerto kun Puĥova) je la 12h00 en Lapenna.

Adiaŭa diskoteko + nokta kafejo en amasloĝejo ekde 22h00 ĝis 3h00.

En manĝejo de amasloĝejo:

| | | |
|---|---|---|
| matenmanĝo | 7-9 | 15 FIM |
| lunĉo | 12-14 | 25 FIM |
| vespermanĝo | 17-19 | 30 FIM |

Matenmanĝo ankoraŭ sabate.

San-franciskanoj renkontas:

Partoprenantoj, -intoj kaj -ontoj (studentoj kaj profesoroj) kaj aliaj kiuj havas intereson renkontas je la 18h00 ĝis la 20h00 en restoracio en ekspozicia halo.

***Aŭtoraj duonhoroj*** en libroservo:

- 10.00 Stefan Maul (Deklingva manlibro pri politiko)
- 10.30 József Baksa (Ŝtupo post ŝtupo)
- 11.00 Ivan Naumov
- 11.30 Eduard V. Tvarozek
- 12.00 Marjorie Boulton
- 12.30 Nikola Rasic (La rondo familia)
- 14.30 Amri Wandel
- 15.30 Werner Bormann, Helmar Frank
- 16.00 Kvar sezonoj de Marijam Nazami (prezentas Reza Kheir-Khah)
- 17.00 Andrzej Pettyn
- 17.30 Janus Di Censo (Trosermo)

En la kongresa libro sur p. 73 estas eraro. La aranĝo de ISAE je 12h15 ne estas en la salono *Vilkki*, sed en la salono ***Gregor***.

Kongresanoj, kiuj perdis ion, bonvolu ankoraŭfoje demandi en informejo antaŭ via foriro.

## Intervjuo kun Ŝefik Rizvanoviĉ

Ŝefik Rizvanoviĉ, kn 2366, ricevis la plej longedaŭrajn aplaŭdojn en la inaŭguro de la UK. La 50-jara inĝeniero pri elektrotekniko el Sarajevo estas ankaŭ tiu kongresano, kiu havis la plej malfacilan vojon por atingi la UK-on. Kiel li sukcesis?

"Ĉiu iro el kaj al Sarajevo estas danĝera. Mi bezonis dek horojn, piede kaj per kamiono, por atingi la t.n. liberan zonon. Mi devis trapasi longan tunelon, vilaĝojn, kaj poste supreniri en la montojn ĉirkaŭ Sarajevo. Bonŝance, ŝoforo de kamiono konsentis veturigi min, malgraŭ ke neniu nuntempe ŝatas respondeci pri iu alia."

"Poste mi veturis ŝipe el marbordo al Ancona, Italio, kaj de tie trajne al Romo, kie mi ricevis finnlandan vizon. Poste mi flugis tra Bruselo al Helsinki."

Ĉu estis malfacile akiri la certe grandnombrajn permesojn, kiuj necesas por eliri el Sarajevo?

"La plej grava obstaklo estas la propra decido: ĉu foriri el Sarajevo, kaj tiel elmeti sin al danĝeroj. Se oni ja decidis tion, poste la administraj malfacilaĵoj estas kompare etaj, almenaŭ se oni komencas sufiĉe frue zorgi pri tio."

Vi diris en via alparolo al la kongresanoj ke la Esperanto-agado en Sarajevo eĉ por unu tago ne ĉesis. Kion tio signifas praktike?

"Nia ĉefa agado estas savi la vivojn kaj tio ne estas nura frazo. Ni helpas unu la aliajn inter esperantistoj. Estas inter ni certaj kiuj estas en ŝtata administracio kaj ili helpas kun internaciaj telefonlinioj kaj telefaksoj. Nun en Sarajevo estas malmultaj linioj kaj poŝto estas multekosta. Esperanta agado estas la elsendo de Radio Sarajevo en esperanto merkrede posttagmeze je 11h15. Multaj esperantistoj informis pri la aŭdebleco. Grandan parton de la elsendo ni dediĉas al la eksterlandaj subtenaj leteroj."

Kion vi faros post la kongreso?

"Mi restos unu semajnon ĉe miaj edzino kaj filino, kiuj vivas en Slovenio. Poste mi revenos al Sarajevo."

*Intervjuis Istvan Ertl*
*Redaktis JP kaj IE*

### *Aŭkcio*
## Kunkriu aŭ nur ridu!

Tradicia kaj ĉiam tre populara programero atendas vin en vendredo ekde 14h00 en salono Lapenna. Temas pri la aŭkcio, kies profito ĉi-foje iros al Fondaĵo Ameriko. Tiu fondaĵo subtenas la Esperanto-movadon en Latina Ameriko.

Ankaŭ ĉi-foje oni povas elekti inter veraj rarajoj kiel ekz. kongresa libro de la UK en Helsinko en 1922, poŝtkarto de Th. Cart, unuaj jarkolektoj de Litova Stelo kaj unuaj eldonoj de gravaj Esperanto-verkoj. Tiuj objektoj sendube atingos prezon, kiu estos pli ol averaĝe alta. Ne necesas tamen posedi dikan monujon por partopreni en la ofertado, ĉar multaj aŭkcieroj estas ne tiom unikaj sed ja tre interesaj kaj utilaj.

Kaj fine: eĉ se vi ne plu havas monon entute, venu tamen al la aŭkcio, ĉar ĝi estas unu el la plej amuzaj teatraĵoj en Tampereo ĉi-semajne! Ne sen kaŭzo la finna vorto por aŭkcio laŭvorte signifas 'kri-komerco'.

## Plej gravas la proceso

Kiam aliaj ekskursis, sidis la junaj homoj el 23 landoj en ĝenerala asembleo de UN. Ili diskutis pri homaj rajtoj. Ĉar estas la 50-datreveno de UN, estis ĉi-jare tre bona kaŭzo okazigi la ludon dum la kongreso, diris la iniciatinto Geoffrey Greatrex. Li jam gvidis similan ludon en Britio, kie gelernantoj el diversaj lernejoj post lotumado reprezentis fremdajn landojn. Laŭ Geoffrey estis avantaĝo ĉi tie ke ĉiuj reprezentis siajn proprajn landojn.

Multaj partoprenantoj jam de longe pretigis sin por la ludo. Laŭ la reguloj ili devis fari decidojn de la vidpunkto de la registaro. Ili lernis ke ne ĉiam estas facile ankaŭ por la veraj delegitoj labori en UN.

Por la kunsido oni faris tradukon de reguloj kun kelkaj ŝanĝoj, ekz. ke la sola oficiala lingvo estu la esperanta kaj ke la ordo de paroloj estu laŭ la esperanta alfabeta ordo.

Dum sephora laboro la delegitoj ŝanĝis la proponitan tekston tiom ke de ses eldiroj restis nur kvar. Finfine oni ankoraŭ voĉdonis pri la rezulto kaj tiam 12 delegitoj voĉdonis kontraŭe, 7 pro, 2 rezignis kaj 2 forestis. Tial la rezulto de la tago ne videblas.

Tamen ĉiuj estis kontentaj. La ideo ne estis fari multege de saĝaj decidoj sed provi kiel funkcias la ĝenerala asembleo. Anna Ritamäki, respondeculo de la finna flanko, konstatis ke la plej grava estis la proceso kaj ke oni lernis pri UN kaj kiel oni decidas tie. Ni ĝojis kaj lernis kaj samtempe ni montris ke esperanto funkcias kiel alternativo al la nuntempa internacia lingvoproblemo.

### *Turismu hirunde*

Esperanta turisma firmao "Hirundo Tourism Ltd." estas fondita en Tallinn, Estonio. Eblas kontaktiĝi por turismado kaj kunlaborado: Hirundo Tourism Ltd. 14, Raekoja plats, EE 2400 Tallinn. Tel. 372-7-420 498, fakso 372-7-420277

*Madis Linnamägi, kn. 911*

## Aperis du verkoj el AIS dum la antaŭkongresa semajno

Bontempe antaŭ la malfermo de la libroservo de la 80a UK la eldoneja grupo "Akademia Libroservo" aperigis du verkajojn el AIS: pere de KAVA-PECH, Praha-Durbrichovice "La Latina kiel internacia lingvo" kaj pere de la Eldonejo de la Universitato Sibiu-Hermannstadt "Informaciestetiko – kibernetika estetiko - estetikkobernetiko". Ambaŭ libretoj estas haveblaj per la kongresa libroservo.

Per "La Latina kiel internacia lingvo" d-rino Věra Barandovská akiris en la septembro 1994 dum SUS 13 en San Marino la titolon "Dr.sc.hum.habil." kaj fariĝis plenrajta docentino pri interlingvistiko kaj efektiva membrino de AIS. Por la nun publikigita teksto la aŭtorino pliampleksigis la germanlingvan resumon kaj distribuis ĝin al la kvin ĉapitroj. Samtempe aperis en la sama eldonejo la ĉefa teksto de la verko. La aŭtorino detale pritraktas la influon de la Latina al la Internacia Lingvo de Doktoro Esperanto kaj al la planlingvoj Ido, Latino sine flexione, Occidental, Novial kaj Interlingua.

La informaciestetika teksto prezentas - konforme al la rekomendoj de AIS dulingve (en la Internacia Lingvo kaj en la Germana), en du paralelaj kolumnoj, – la enhavon de kurso, kiun prof. d-ro Helmar Frank kontribuis al la programo de la kibernetika sekcio dum la pasintjara sanmarina universitata sesio (SUS 13).

## Afrika vekiĝo aperos baldaŭ

Internacia Revuo Sendependa "Afrika vekiĝo" en la internacia lingvo "Esperanto" enhavas informojn kaj analizojn. Baldaŭ aperos la unua numero. La nova gazeto raportos i.a. pri ekonomio, kulturo, sporto, novelo, religio kaj komunikado. Vi povas sendi viajn ideojn al la eldonejo: Afrika vekiĝo, B.P. 62139, Lomé, Togo.

## Eŭropa Klubo reaktiviĝas!

***Serĉataj: kunlaborantoj por la Eŭropa Kalendaro 1997, aperonta por la 81-a UK Prago 1996.***

Eŭropa Klubo (sidejo: Paderborn) kunlabore kun aliaj organizoj planas reeldoni la Eŭropan Kalendaron por 1997, probable kun la vorteroj surbaze de la lernolibro por lingvo-orientiga instruado de E. Formaggio. La celo de la kalendaro estu antaŭ ĉio, propagandi neŭtralan lingvopolitikon en Eŭropo. Tial sur la dorsaj flankoj prezentiĝos la 15 landoj de la Eŭropa Unio en siaj propraj kaj en du neŭtralaj lingvoj, nome en la Latina kaj Esperanto.

La redaktorino Věra Barandovská-Frank (hejma adreso: Kleinenberger Weg 16A, D-30100 Paderborn), urĝe serĉas esperantistojn el la 15 landoj de la EU, kiuj povos laŭeble jam ĝis la Paderborna Novembra renkontiĝo 1995-11-16/16, dum kiu okazos i.a. la redakcia kunsido, sendi al ŝi duonpaĝan (ĉ. 2000 tajpfrapojn ampleksan) enciklopedian priskribon de ilia lando en Esperanto kaj la oficiala lingvo de la koncerna lando (laŭeble, sed ne necese, jam kun latina traduko). Modelojn por tiuj tekstojn oni trovas en la 1983 publikigitaj (kaj tial aktualigendaj!) priskriboj de la siatempe ankoraŭ nur 9 EU-landoj. Specimenojn kunportis al Tampere la UK-anoj n-roj 2105, 2106 kaj 2108. Bonvenas ankaŭ sinprezentoj de internacie laborantaj organizajoj kiuj laboras por neŭtrala lingvopolitiko.

## Korektoj

### *Du aliĝintoj forfalis*

El la listo de lastatempaj aliĝoj forfalis du kongresanoj: kn 2366 Šefik Rizvanovic, Sarajevo, Bosnio-Hercegovino, kaj kn 2367 Rüdiger Eichholz, R.R.1, Bailieboro, Ontario K0L 1B0, Kanado.

### *Filatelista membrokotizo eraris*

La membrokotizo de ELF-AREK (filatelistoj) por 1996 estas 30 DM por okcidentanoj kaj 20 DM por aliaj.

## Kunsido pri azia agado

En la posttagmezo de la 23a de junio okazis fermita kunsido de KAEM (Komisiono pri Azia Esperanto-Movado) establita en la pasinta UK en Seulo. Estis renovigo de la mandato. La komisionon konsistigas s-ro Zou kaj s-ro Wang Jianbing el Ĉinio, s-ro Takeuti Yosikazu kaj s-ino Syozi Keiko el Japanio, s-ro Ma Young-tae kaj s-ro Chong Puramo el Koreio. Oni elektis s-ron Takeuti kiel prezidanton, s-ron Chong kiel sekretarion. Krome, decidiĝis tio, ke la oficperiodo de KAEM estu trijara, la azia kongreso okazu ĉiun trian jaron, kaj la redaktoro de Esperanto en Azio estu s-ino Doi Ĉieko.

En la 24a de julio okazis la malfermita kunsido pri azia agado, kiun gvidis KAEM, ĉeestis plimalpli 50 aziaj kaj neaziaj esperantistoj. S-ro Takeuti raportis pri la lasta kunsido de la KAEM. La publiko montris grandan intereson pri la Unua Azia Kongreso de Esperanto, kiu okazos en 1996 aŭg. 22-25 (Ŝanhajo, Ĉinio). Reprezentantoj de 10 aziaj landoj raportis pri sialanda Esperanto-movado. Ĉi-foje estis tre notinde, ke mezaziaj esperantistoj tre aktive partoprenis en kunsido. Kvankam malfacila socia, politika kaj ekonomia situacioj ili tre aktivadas por la Esperanto-movado: ili organizas lingvokursojn, okazigas landajn kongresojn, bonrilatas kun amaskomunikiloj. Tamen ili malbonfartas finance por la Esperanto-movado, mankas lernolibroj, informmaterialoj. Kvardeko da blindaj infanoj en Taĝikio nun lernas Esperanton kaj deziras kontaktiĝi kun samhandikapuloj. Do helpon por la plifortiĝo de la Esperanto-movado en Azio! Bonvenon al la Unua Azia Kongreso de Esperanto venontjare en Ŝanhajo.

*KN 506, Choe Taesok*

## Peto al la fotemuloj

Estas nepre malpermesite foti dum la teatraj prezentoj kaj koncertoj. Vi povas foti dum provludoj aŭ utiligi la servojn de la kongresa fotoservo.

## Kunsido de ILEI-membroj

Kunsidon de ILEI partoprenis 71 kongresanoj. Dum la kunsido, la sekretario de ILEI Marija Belošević mallonge prezentis la agadon de la Ligo dum la lasta jaro. La kunsidon ĉeestis nova estraranino de UEA pri instruado, s-ino Triolle kaj la prezidanto de AIS, d-ro Frank.

Oni aŭdis freŝajn informojn pri la E-instruado en pluraj plej parte eŭropaj landoj. La kunsido estis la okazo atentigi la publikon pri la lernolibroj kaj aliaj utilaj eldonaĵoj kiujn oni povos uzi dum la instruado. La prezentitajn eldonaĵojn oni povas aĉeti jam dum la UK.

La kunsidon same partoprenis d-ro Paul Gubiens, aŭtoro de unu el la prezentitaj lernolibroj "Kunvojaĝu".

*Marija Belošević, kn. 1018*

## Esperantaj novaĵoj el Ukrainio

La 13-an de julio en Provinca muzeo de Ternopil (Ukrainio) estis inaŭgurita unusola en la lando konstanta ekspozicio pri Internacia Lingvo. Esperantaj kontribuaĵoj estas atendataj je adreso de Ukrainia E-Asocio (p/k 83, Ternopil, UA-282001 Ukrainio).

En Ternopil gisita memortabulo omaĝe al fama ukraina esperantisto, aŭtoro de la unua E-lernolibro por ukrainoj Myĥajlo Jurkiv. Por elaĉeti tabulon de skulptisto mankas 300 dolaroj. Helpemuloj samideanoj estas petataj kontribui. Bonvolu uzi por tiu celo konton ukre-j.

---

***Abonu Kontakton kun rabato!***

"*Kontakto* estas unu el la malmultaj Esperantaj revuoj, kiujn eĉ kun fiero oni povas montri al ne-esperantistoj!" Tiel deklaris d-ro Detlev Blanke en la kunsido de la Komitato de UEA.

Ĉu vi jam estas abonanto de *Kontakto*? Se ne, en tiu ĉi UK vi povas pagi la abonon kaj ricevi rabaton de 20%. (Vidu la prezojn en la Kongresa Libro, p. 33.) Vi povas pagi al la kasisto de UEA.

## Esperantistoj en virina konferenco

Ĉu vi volas agadi en la Forumo de neregistritaj organizoj en Pekino? En septembro en Pekino okazas la 4-a Internacia Virina Konferenco. La forumo okazas inter la 30-a de aŭgusto kaj la 8-a de septembro. En ĝi naŭ japanoj "Esperanta Virina Agado" intencas agadi jene:

1. Enketos pri lingvaj problemoj en Internacia Konferenco.
2. Ekspozicios pri Esperanto.

Ni atendas vian helpon!

*Kn 833 Saito Tume*

---

***Informadika eventego premieras en Esperanto!***

Franca firmao, Memory Access, kreis komunik-celan produkton. Bildstrio de franca aŭtoro estis tradukita en Esperanton, la japanan, anglan kaj hispanan. Sur la komputila ekrano la uzanto turnas la paĝojn kaj legas/aŭskultas en la lingvo kiun li elektas. La CD-romo vendiĝas tre amlalt-preze, por ebligi larĝan disvastiĝon. Ĝi estas amuza ilo por lingvo-praktikado, i.a. kun jazmuziko. (Temas pri la lasta Esperanto-projekto en kiu la jus mortinta akademiano Jean Thierry partoprenis).

---

***E-semajno de Antaŭen***

E-societo Antaŭen de Tampereo planas E-semajnon venontsomere tuj post la somermezo (24.-28.6. 1996) en la junulara centro Marttinen en Virrat. Temo de la semajno estos *Lerta de la mano* (kaligrafio), kiun instruos esperantlingva instruisto.

E-kursoj estos por komencantoj kaj daŭrigantoj. Oni ankaŭ konatiĝos kun finna tradicio en vilaĝo ĉe Marttinen. Kaligrafion instruas Gennadi Leontjev, pri la E-instruisto ni informos poste.

La kurso kostos ĉ. 1200-1400 FIM en bonegaj ĉambroj. Troviĝos ankaŭ malmultekosta amasloĝejo.

Vian intereson informu al la Informejo. Donu adreson kaj ni sendos poste informilon al vi.

## Akademio de Esperanto

La publika kunsido de la Akademio de Esperanto okazis marde je la 10h30 en salono Waringhien. Ĉeestis ne malpli ol 12 el la 45 membroj de la Akademio, kio igis la kunsidon aparte interesa kaj varia por la aŭskultantoj. Regalis nin per siaj saĝo kaj spertoj Akademianoj Bormann, Kiselman, Eichholz, Berveling, Pettyn, Balbin, Boulton, Yamasaki, Wells, Wandel, Stop-Bowitz kaj Tonkin.

Ĉiuj Akademianoj prezentis sin mem kaj siajn Esperantajn agadkampojn. Poste Wandel faris prelegeton pri lingvopolitiko kaj la rolo de la Akademio rilate al la vivanta lingvouzo kun siaj slango, neologismoj kaj neortodoksaj formoj: Ĉu la Akademio faras tro aŭ maltro? Laŭ Wandel la Akademio estonte devus pli direkti la evoluon, kaj malpli batali ĝin. Li ankaŭ atentigis pri mankoj en la familia jargono. La multaj disaj Esperanto-familioj kreas ĉiu aparte la necesajn esprimojn por la ĉiutaga vivo. Iom da unueciĝo estus bonvena. Akademiano Bormann komentis la vortojn de Wandel menciante similan mankon ĉe nomoj de Eŭropaj instancoj kiel la Konsilio de Eŭropo / Eŭropa Konsilio... k.t.p. Estus malfacile konvinke argumenti por Esperanto ĉe tiaj instancoj, se ni eĉ ne scias, kiel precize nomi ilin en la Internacia.

Sekvis la tradicia programero, kie la aŭskultantoj povis fari demandojn al la Akademianoj. Kiel ofte okazis antaŭe, la Akademianoj mem provis levi la diskutojn al pli principaj, pli ĝeneralaj, pli gravaj niveloj, dum la publikaj demandoj ofte tuŝis teknikajn detaletojn. La respondoj de la Akademianoj ja nur estis la personaj opinioj de la unuopaj respondintaj personoj, sed estis kiel ĉiam interesaj kaj atentindaj. Kiel oni povis antaŭvidi, leviĝis la demando de landonomoj, eĉ plurfoje. Alia grava temo estis la nun okazanta reviziado de Plena Ilustrita Vortaro. El la multaj detalaj temetoj oni povas mencii la saĝan konsilon de Wells ne ĝeniĝi de tiaj elparolaj deflankiĝoj kiel *egzemple* anstataŭ la strikta elparolo *ekzemple*. En tiaj okazoj, kie miskompreno simple ne eblas, oni ja estu tre tolerema. Pettyn kontraste aldonis kelkajn amuzajn ekzemplojn kun *veki* kaj *kaĉo*, kie ne tute ĝusta elparolo povas doni katastrofajn rezultojn.

La diskutoj okazis en bona etoso, kaj montris la vivecon kaj de la Esperanta Akademio kaj de la Esperantaj lingvo kaj lingvokomunumo.

*Bertilo Wennergren*

## EPĈ-legantoj kunvenis

Marde ĉ. 100 kongresanoj ĉeestis kunsidon de la revuo "El Popola Ĉinio", dum kiu perantoj kaj legantoj prezentis multajn tre konsiderindajn konsilojn pri plibonigo kaj diskonigo de EPĈ kaj plimultigo de abonantoj. Oni aparte laŭdis la redakcion pro ĝia Fondaĵo EPĈ-abono, dank' al kiu kelk cent esperantistoj en nepagipovaj landoj regule ĝuas EPĈ. Tre bonvenas ne nur abonoj kaj reabonoj, sed ankaŭ monhelpo al la nomita Fondaĵo. Oni povas sendi monon rekte al EPĈ (P.O. Kesto 77, CN-100037 Beijing, Ĉinio) aŭ ĝiri monon pere de sia UEA-konto al la konto elpe-e. La redakcio antaŭdankas pro la abonoj kaj diversmanieraj helpoj.

*Dai Sougan, kn. 2030*

***– Farita en Finnlando –***

La 25-an mardan lonumon gajnis kn 2294, **Rolfo Ernst**.

*Vizitkarto*

Kongresa n-o ____________

Nomo ____________

## Pola-germana renkonto en oktobro

Esperantistoj el ĉe-limaj regionoj el Zielona Góra kaj Gorzów (Pollando) kaj respektive Brandenburgio kaj Berlino (Germanio) renkontos en turisma aranĝo en la semajnfino 7an/8an de oktobro en najbaraj urboj Słubice kaj Frankfurt. Eksterregionaj gesamikoj elkore bonvenaj!

Pliajn informojn petu ĉe: Brandenburgia E-Asocio, Berliner Str. 49, D-14467 Potsdam. Tel. (0049-331) 294 003.

*Detlef Hofmann, kn. 1734*

## ILEI-konferenco, Övik

Aŭtobuso foriros je la 14h30 sabate de ekster la kongresejo. Prezo: 60 FIM. Partoprenantoj bonvolu anonci vin kaj antaŭpagi en la ILEI-budo plej laste vendrede.

***Eblas aliĝi al UEA!***

Ĉe la giĉeto de UEA-kasisto eblas aliĝi al UEA sen kromaj bankokostoj. Tie eblas ankaŭ fari pagojn al siaj kaj aliaj kontoj kaj aboni gazetojn de UEA.

## Infanoj prezentos

Tuj antaŭ la Internacia Vespero vendrede partoprenantoj de la Internacia Infana Kongreseto prezentos programerojn, kiujn ili ekzercis dum la semajno. Se vi volas vidi tiun spektaklon, tutsimple alvenu duonhoron frue al salono Zamenhof por la Internacia Vespero.

*Ian Fantom, kn. 729*

***Kalevala favorkoste***

Ne misu la unikan oferton – la fama libro *Kalevala*, ilustrita, bele bindita, nemalhavebla memoraĵo pri Finnlando kaj la 80a UK haveblas per ridinde malalta prezo de 30 FIM en la libroservo.

## Korektoj

En la arteksponicio de pentristoj ne troviĝas pentraĵoj de ĉina sed japana pentristo.

Pastro Stanisław Stolz, kn. 2375 petis la redakcion aperigi ankaŭ lian adreson. Jen ĝi:

Stanisław Stolz, pl. Zwycięstwa 6, 64-940 Wielen, Pollando.

kongresa kalemburo ............................................ julio 29 sabato

# Vekilo kongresa

Tampereo '95

7

## Furore sukcesa koncerto de familio De Castro

Ĵaŭde vespere, en la salono Zamenhof, prezentiĝis du sinsekvaj koncertoj. Unue la ĉarma litova familio Piŝĉikas, kiu konsistigas la ensemblon Asorti, replikis sian sukcesan koncerton de lundo, kun kelkaj novaj kantoj. La rava violono de la malgranda Edgoras kaptis ĉies koron kaj emociis la multenombran ĉeestantaron.

Sekvis koncerto de la Brazila ensemblo De Castro, kiu sinsekve prezentis kantojn el la brazila tradicio, famajn kantojn de pluraj nacioj en muzika vojaĝo tra la mondo, kaj fine mondkonatajn operajn ariojn. Tiu ĉi koncerto ne estis anoncita en la Kongresa libro, ĉar la familio De Castro, kiu prezentis ĝin, alproksimiĝis al Esperanto nur antaŭ kvar monatoj, okaze de ilia vizito por koncerti en Bona Espero.

La grupon estras la patro, Adelmo, muzikisto jam de pli ol 30 jaroj, violonisto kaj pianisto, instruisto en la ŝtata muzika lernejo pri horusa kanto, unua violono en la simfonia orĥestro de Brasilia; lia instruisto estis lernanto de Villabos, la plej fama brazila komponisto. Kunmuzikas la edzino, Vania, kaj la filoj Jean, 16-jara komponisto kaj aranĝisto, kaj Lys, 13-jara, kun bela soprana voĉo kiu portis ŝin nur naŭ-jara jam kanti en la simfonia orĥestro de Brasilia, kiel solista soprano.

Ili prezentas kantojn en naŭ lingvoj (portugala, hispana, angla, franca, itala, japana, latina, germana kaj Esperanto), kaj de kiam ili eksciis pri la internacia lingvo ili finas ĉiujn siajn koncertojn per la Ĝojhimno de Beethoven kantanta en Esperanto, tiel provizante al nia lingvo tute grandiozan reklamon. Por kolekti la monon por vojaĝi al la UK, ili konfesis, ili ludis dum du monatojn ĉiun semajnfinon dum ses horojn tage sabate kaj dimanĉe sur la placoj de Brasilia.

La publiko longe kaj entuziasme aplaŭdis la brazilan familion, kies muzika kapablo same elstaras kiel ilia scio varmigi la etoson kaj la publikon. Se nia kongresejo ne havus firman ferm-horon ni verŝajne ankoraŭ estus aplaŭde petantaj de ilin pliajn replikojn.

"Dum la Kongreso mi ne plu sentas bezonon rigardi televidon" diris al ni la juna Jean "ĉar mi povas scii rekte de la homoj kio okazas en ilia lando".

"Estis surprize" eĥis Lyz "ke mi povis interparoli kun samaĝaj infanoj de la tuta mondo, kvankam mi ne scipovas ilian lingvon kaj ili ne scipovas mian, sed tamen tute bone interkompreniĝis".

"Ĉi tie oni vidas ke ne estas diferencoj inter homo kaj homo" pluis Vania, "ĉiuj estas samgrade personoj".

Adelmo konstatis, ke ili estis kortuŝitaj de la varmeco de esperantistoj, de ili amika akcepto al tiu nova grupo, kiu nur antaŭnelonge alproksimiĝis al nia movado. Cetere, ilia tuja kaj senkondiĉa entuziasmo por Esperanto venas de tio, ke ili vidas en nia movado respeguliĝi ilia propra filozofio, ilian deziron per komuna lingvo muziko porti mesaĝon de paco kaj optimismo al ĉiuj homoj de la mondo.

Iliaj plej proksimaj planoj estas surbendigi kasedon kaj kompaktdiskon esperantlingve, kaj veni al venont-jara kongreso en Prago. Intertempe, dum ilia plurmonata gastludado tra Brazilo, ili plu prezentos, ĉiutage, sian entuziasmon por la internacia lingvo Esperanto.

*Bruĉjo Kasini (KN 2133)*

## Problemoj kun vizoj

Por afrikaj esperantistoj partopreno al Universala Kongreso estas revo, kiu tro ofte estas trompita. Ne sufiĉas ke iliaj amikoj kolektas al il monon por flugbiletoj kaj aliaj elspezoj. Ili devas ankaŭ loĝi en lando kie estas bonkora ambasadoro aŭ konsulo. Krome la invitantoj devas skribi tute ĝustan invitilon dum tute ĝusta tempo.

Ĉar la flugbiletoj estas ekstreme multekostaj oni ne devus aĉeti ilin antaŭ ol oni certas ke la persono ricevos vizon. Aliflanke la persono ne ricevas vizon, se li ne povas montri ke li havas reven-bileton. Tute malebla situacio.

La plej indigniga afero ĉijare estas ke Ngangu Bakidila Nduantonin de Zairio ne ricevis vizon, kvankam li jam en aprilo vizitis la konsulejon en sia ĉefurbo. La monon uzitan por aĉeti flugbiletojn ankaŭ la flugkompanio ne repagas.

Ankaŭ kelkaj aliaj afrikanoj restis sen vizoj. Espereble la instancoj en Ĉeĥio pli bone prizorgos la aferojn tiel ke por pli multaj afrikanoj sekvontjare realiĝos la revo.

## Ĵack Palmer en la vestiblo

En la vestiblo apud la 'Monato'-giĉeto eblas konatiĝi kun interaktiva legado de la bildstrio Ĵack Palmer – detektivo en la nokto de la franca aŭtoro Rene Petillon. La leganto povas elekti unu el lingvoj: franca, angla, japana, hispana kaj esperanta. Sur la ekrano aperas la kolorbildoj kun teksto kaj la leganto aŭdas la tekston en la elektita lingvo.

Tiu ĉi CD-Rom-disko estas unuafoje prezentata tutmonde dum tiu ĉi 80-a UK. Ĝi estos disponebla komence de septembro je la prezo de 120 FRF /proksimume 100 finnaj markoj aŭ 38 nederlandaj guldenoj). Mendoj pere de kreditkartoj kontaktu:

Memory Access, 25, Rue Volant, FR-9200 Nanterre, Francio.

## Lingvaj opcioj por la Eŭropa Unio

(Resumo de pozicia dokumento ellaborita de la laborgrupo "Komunikad- kaj lingvo-problemo en EU")

La Eŭropa Unio devas konscii, konsideri kaj realigi samtempe la jenajn celojn kaj taskojn: egaleco, diverseco, ne-diskriminacio, demokrateco kaj efikeco.

1. De la teoria vidpunkto, ekzistas nur tri opcioj por konkretigi en EU internacian, efikan, ne-diskrimineman komunikadon kune kun la konservo de la kultura kaj lingva diverseco:

Opcio A: Ĉiu oficiala lingvo de la Ŝtato-Membro

Opcio B: Unu komuna lingvo devas funkcii kiel inter-etna komunikilo

Opcio C: Du fremdaj lingvoj devige por ĉiuj: unu universala lingvo-sistemo (modelo) por efika, ne-diskriminema, inter-etna komunikado, unu fremda lingvo por privata aŭ profesia celo, speciale por pli bone kompreni la kulturon kaj pozicion de la najbaro.

2. De la praktika vidpunkto, tiuj opcioj devas esti ekzamenitaj rilate al ĝia taŭgeco en la ĉiu-taga vivo kaj bezono, speciale

– en la Eŭropaj institucioj kaj

– en la eduka sistemo de la ŝtatomembroj.

3. La konkludoj de tiu ekzameno pere de la laborgrupo estas:

Opcio A por la eksteraj rilatoj de la Eŭropaj institucioj

Opcio B por la internaj rilatoj de la Eŭropaj institucioj

Opcio C por la eduka sistemo de la Ŝtato-membroj.

*resumis Michael Cwik, kn 755*

## 100 kongresanoj lernis la finnan

La dokumenton "Dulingva frazaro", kiu estis disdonita dum la kurso "Finna eksprese" prenis 95 kongresanoj kaj eĉ pliajn oni deziris, sed tia kvanto estis pretigita laŭmende. Eblas konkludi, ke proksimume 100 kongresanoj almenaŭ unu fojon partoprenis en la kurso.

## Gazetaro pri ni

La loka kaj tutlanda gazetaro aperigis pri esperanto kaj la kongreso bonajn artikolojn, sed la efiko ne estis tiom granda kiel oni povus esperi. Plurajn facetojn de la kongreso la komunikiloj simple malatentis. Ekzemple pri la partoprenanto el Sarajevo la loka gazeto Aamulehti ne publikigis ion ajn.

La plej grandan bruon kaŭzis la jaŭda informo, ke Finnlando ne donis vizojn al kvar zairianoj kaj unu ganano. Al la portebla telefono de Kalle Kniivilä, la informanto de la kongreso, alvenis pluraj telefonvokoj. La novaĵo aperis ankaŭ en Helsingin Sanomat, la plej granda taggazeto de Finnlando.

Helsingin Sanomat aperigis vendrede ankaŭ intervjuon kun Kalle Kniivilä pri esperanto kiel hejma lingvo kaj artikolon pri esperanta muziko.

Pluraj radiokanaloj elsendis programon pri la kongreso, inter ili ankaŭ la kuba radio, kies hispanlingva redaktoro vizitis la kongreson. Mark Fettis estis telefone intervjuata de CNN kaj la komunikaĵo de Reuter estis publikigita i.a. en moskva taggazeto Segodnja. Ankaŭ prilingva redakcio de finnlanda televido filmis en la kongreso por farota programo.

La renoma radioprogramo "El ĉiutaga monda politiko" temis vendrede plene pri esperanto.



## Kalevala pintis ĉe la libroservo

Kalevala kaj Muminvalo estis la plej populare aĉetataj libroj en la kongresa libroservo. La stoko rezervita por la kongreso elĉerpiĝis kaj dum kelkaj horoj de vendredo la libroj ne estis aĉeteblaj. Tamen vendrede vespere aperis nova livero kaj ankaŭ sabate de 9.00-10.00 kaj 12.00-14.00 libroservo malfermas kaj Kalevala kaj Muminvalo estas aĉeteblaj. La vendoj de la libroservo progresis sufiĉe bone.

## AERA – OSIEK-Amikaro de Esperanto en Radio

AERA celas kunigi la fortojn kaj helpemon de esperantlingvaj radioaŭskultantoj, serve al tiu grava kultura rimedo: *radio*.

- Por defendi la interesojn de tutmondaj radio-aŭskultantoj
- Por kontribui al progreso de parola Esperanto-kulturo
- Por esti regule informita pri frekvencoj kaj adresoj de radiostacioj
- Por disvolvigi rilatojn inter radiofonio kaj gazetaro

Informoj ĉe Bruno Masala, kn 975. Aliĝu dum la kongreso ĉe la MAZI-budo

*SUBTENU ESPERANTON EN RADIO PARTOPRENU EN AERA*

## Albanio invitas al la unua kongreso

Albana esperanto-movado kreskis rapide post 1990. Tamen al albanoj ĉiam mankis kontaktoj kun la monda movado. Nun por la unua fojo okazos internacia esperanto-konferenco en Albanio.

La kongreson aranĝas Albana Esperanto-Ligo, kunlaborante kun profesia turisma agentejo Horizon. La konferenco okazos en hotelo Adriatic en urbo Durres la 3-an - 8-an de aprilo 1996. Post la konferenco okazos postkonferenca rondvojaĝo en Albanio. Oni vizitos i.a. la ĉefurbon Tirana, la antikvan kaj mezepokan ĉefurbon Kruja kaj la plej grandan romian amfiteatron ekster Italio.

La provizora prezo (tranokto kun matenmanĝo) estas 250 dolaroj por persono kaj 190 en malplikosta najbara hotelo. Aliĝkotizo estas provizore 30 dolaroj por la plej multekosta kategorio. Informojn donas Tron Ogrim (Norvegio) aŭ telefakse agentejo Horizon, Tirana Office +355 42 25414 aŭ Horizon, Durres Office + 355 52 22521.

# Kunvenoj dum la kongreso

## Pri turismo en esperanto

Ĵaŭde matene en salono Hodler okazis kunveno de MONDA TURISMO. Pli ol 60 kongresanoj aktive partoprenis la kunvenon.

La kunvenon gvidis vicprezidanto de MT Lucille C. Harmon el Usono. Inaŭgure parolis fondinto de MT kaj honora prezidanto de MT – Max Finkenzeller el Vieno, kie en 1970 jaro li fondis la Asocion. Pri aliaj aktivecoj raportis la estraranoj el Hungario (Margit Evva), Rusio (Aljosha Salomatov), Pollando (Regina Grzebowska) kaj Usono (Lucille C. Harmon).

Lige al ĉefa celo de MT – faciligo de la internacia turismo per aplikado de esperanto – oni larĝe diskutis la eblecojn uzi esperanton en turisma informado ĉe flughavenoj, hoteloj ktp., precipe dum la organizado de Universalaj Kongresoj. Oni akceptis fari proponon por UEA Estraro, ĉefe al estraranoj respondecaj pri kongresoj kaj faka agado, konsulti kun MONDA TURISMO la turisman flankon de la organizotaj kongresoj.

Aparte alte oni taksis la laboron de LKK en Tampereo rilate al E-informado kaj turismo. La redaktorino de "Heroldo de Esperanto" Ada Fighiera-Sikorska apelaciis pri pli frua informado de la gazeto pri estontaj aranĝoj.

Kiel speciala agado estis substrekita la eduka laboro – Internacia Studumo pri Kulturo kaj Turismo en Bydgoszcz, Pollando funkcianta jam kvinan jaron, kiu preparas novajn fortojn por la movado ĝenerale kaj por E-turismo aparte. La gestudentoj bonvenaj. Ankaŭ estas serĉataj prelegantoj kiuj povas prezenti la kulturon kaj turismajn valorojn de sia lando, kaj eventuale instrui sian lingvon. Eblas veni por unu-du semajnoj aŭ pli longe, se oni havas sufiĉe da materialo. Anoncu Vin al MT.

Venis multaj invitoj al internaciaj aranĝoj en diversaj landoj. La kunveno havis veran laboretoson.

## Medicinistoj kunvenis kaj vizitis fabrikon

La 28-an de julio en salono Ramstedt okazis la medicinista kunveno. Ĉeestis 60 gekolegoj el dekkvin landoj.

D-ro I. Ferenczy, prezidanto de UMEA raportis pri gravaj rezultoj, ekzemple ke en Rumanio fondiĝis landa medicinista esperanto-asocio, sukcese finiĝis antaŭ du semajnoj en Ukrainio la 10-a Internacia Medicina Esperanto-Konferenco (IMEK) kaj aperis la unua parto de la angla-esperanta medicina fakterminaro en Japanio.

Poste sekvis la fakprelego de d-ro Frank Nitsche pri la temo: labormedicinaj vidpunktoj kaj problemoj ĉe uzado de komputiloj.

Posttagmeze grupo da medicinistoj vizitis la farmacian fabrikon Leiras, kie oni prezentis la novajn medikamentojn de la uzino. Venontjare somere en Hungario okazos la 2-a Eŭropa Medicina Esperanto-konferenco kaj la loko de la 11-a IMEK estas Krokovo (Pollando) en 1997.

## Ĵurnalistoj

Mardon, la 25-an de julio, kunvenis membroj de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA). Ĉeestis 47 ĵurnalistoj, profesiaj aŭ ne, inkluzive de 13 nemembroj. Prezidis Stefan Maul. Elektiĝis estraro, identa kun la antaŭa, krom la nova ĝenerala sekretario YAMASAKI Seikō. Oni decidis i.a. aranĝi trejnkurson por ĵurnalistoj dum la venonta UK, kunlabori kun Amikaro de Esperanto en Radio (AERA), kaj ekpretigi fakterminaron de ĵurnalistiko.

Estis emfazita la neceso solidigi la financan bazon de la asocio per intensa varbado al membriĝo kaj al abono de la TEĴA-organo Internacia Ĵurnalisto, interesa ankaŭ por nemembroj. La partoprenantaj redaktoroj montris sian solidaron, volonte oferonte spacon en sia organo por tiu agado.

## Ekonomikistoj kaj komercistoj renkontiĝis

Ĵaŭde matene la salono Klemola en hotelo Rantasipi estis plenŝtopita je aŭskultantoj, kiam la prezidanto de la Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo, s-ro Franz Josef Braun komencis la raporton pri la agado de la organizaĵo. IKEF iĝis 10-jara kaj la pasintan jardekon karakterizas multaj atingoj: aperigo de la terminaro de la Internacia Komerca Ĉambro, Parizo en esperanto, Kiu faras kion? kaj aliaj eldonaĵoj, granda membraro kaj perantaro kaj fakaj publikaĵoj en diversaj revuoj.

La ĝenerala kunveno elektis estraranojn, kiuj estas F. Braun (kn 860), R. Rotsaert (519), I. Gether (1026), F. X. Gilbert (782), M. Picasso, Seikō Yamasaki (834) kaj D. König.

La strategio estis emfazita en la agado de IKEF. Pro tio la organizo apogas la EKS-seminarion, kiu okazis jam kvarfoje dum la semajno en la sama ĉambro. Montriĝis forta bezono por merkataj informoj flanke de la komercistoj ĉefe en orient-eŭropaj, ekssocialismaj landoj, kiu ankoraŭ ne estas kontentigebla pro financaj kialoj.

Ankaŭ bazaj libroj estas bezonataj en la tereno de ekonomiko kaj komerco. Ili verŝajne estos haveblaj ene de jaroj. Konkretaj ofertoj estis prezentitaj en faldfolioj kaj sur videobendo. La konsultiĝo inter interesitoj daŭrigos.

## Sociala faka asocio fondota

Esperantistoj, kiuj laboras en diversaj socialaj fakoj kunvenis por fondi fakan asocion. Kunvenon ĉeestis 13 personoj el 4 landoj kaj ili povis elekti laborgrupon por prepari statuton kaj venontan fondkunvenon. La laborgrupo konsistas el kn 1955, 1941, 1303 el Svedio, 950 el Finnlando, 18 Norvegio kaj 447 kaj 2311 el Germanio. Se vi estas interesita pri la nova asocio bonvolu kontakti kn 1955 Soile Lingman.

## Kiu kaj kiel membriĝi en la Internacia Scienca Kolegio de AIS?

En la novan estraron de UEA elektiĝis plenrajta membro de la Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) San Marino, OProf. Amri Wandel, kiu respondecas pri la agado en la kampo de la sciencoj kaj speciale zorgos pri la daŭrigo kaj plifirmigo de la kunlaboro inter AIS kaj UEA.

AIS invitas ĉiujn partoprenantojn de la 80a UK subteni la agadon "konkeri la fortikajon SCIENCO por la Internacia Lingvo" per aliĝo al AIS – instituto fondita per decido de la sanmarina registaro kaj intertempe ŝtate agnoskita en pluraj eŭropaj landoj. "Efektiva membro" de AIS povas fariĝi ĉiu universitata profesoro aŭ docento, kiu scipovas lekcii en la Internacia Lingvo. Sed ankaŭ aliaj scienculoj (finstudintoj de ajna fako, sendepende de la nuna profesio) povas aliĝi al la Internacia Scienca Kolegio (ISK) de AIS kaj fariĝi "adjunktoj de AIS". Por ĉiuj validas la sama "simbola kotizo", nome 12,50 DM aŭ 45 finnaj markoj jare, tamen aliĝintoj devas almenaŭ por tri jaroj antaŭpagi. (De sciencistoj el pagipovaj landoj AIS esperas eĉ la dumvivan aliĝon per unufoja pago de 1050 finnaj markoj.) – Bonvenaj estas ankaŭ subtenaj membroj kolektivaj aŭ personaj, kiuj ne necese devas esti sciencistoj aŭ organizoj aktivaj en scienca kampo. La subtena jarkotizo estas 450 finnaj markoj. Ĉiuj ISKanoj kaj ĉiuj subtenaj membroj eniras la "Internacian Sciencistan Dokumentaron" (la "Kiu-estas-Kiu" de AIS), kies eldono 1996-1999 aperos jarfine.

Se vi plenumas la menciitajn kondiĉojn bv. plenigi la "pripersonan demandilon", kiu samtempe estas aliĝilo, decidbazo por la eventuala alvoko kiel docento aŭ profesoro kaj datumbazo por la redaktado de la Internacia Sciencista Dokumentaro. Kontaktiĝu tuj tuj antaŭ foriri de Tampere kun la nuna prezidanto de AIS, Prof.Dr.Helmar Frank, KN 2106.

## Studadsesio de AIS en Nitra (Slovakio)

AIS okazigos kunlabore kun sia slovaka filio kaj la klerigscienca universitato Nitra la unuan fojon en slovakio "sanmarinecan" studadsesion. Ĝi komenciĝos la trian de marto 1996 kiel kutime per rapidkurso de la Internacia Lingvo por sciencistoj. Minimume en la sekcioj pri kibernetiko, humanistiko kaj strukturscienco (logiko kaj matematiko) okazos kursoj 8 horajn ampleksaj. Je la fino de la studadsesio – la 9an de marto – eblos agnoskigi flanke de AIS naciniveIe akiritajn sciencistajn gradojn per ilia "adapta adopto", se oni skribe kandidatiĝas tuj tuj ĝis plej malfrue en la oktobro 1995. Por la originala akiro de tiaj titoloj jam kandidatiĝis du finstudintoj de AIS.

Plua informo estas havebla de la Slovaka AIS-filio en la Klerigscienca Universitato Nitra, Trida A. Hlinka 1, SK 94901 Nitra (elektronika poŝto: evpol@unitra.sk) aŭ d-rino Eva Poláková, KN 2105.

## Sukcesa fino de la AIS/IKU studadsesio

Pli ol cento da kongresanoj plurfoje partoprenis IKU-lekciojn, kaj pluraj dekoj daŭrigis la po 8-horajn kursojn de AIS pri astronomio/astrofiziko (profesoroj Maitzen kaj Wandel) kaj komputiko (d-ro La Torre). La plejmulto de la partoprenintoj en la du kursfinaj ekzamenoj sukcesis. Studunuojn de AIS akiris: Virginija Dyvonkaitė-Koivula, Roberto Burgess, Sung Mo Chung, Angel Garcia Gutierrey, Horst Vogt, Sanja Baric, Agneta Emannelsson, Gustav Campusanu, Vilĉjo Walker, Aurora Bute, Janko Luin, Arnold Victor, d-rino Eva Poláková, Agneta Emanuelsson kaj Alexandra Trif.

---

*– Farita en Finnlando –*

La 27-an jaŭdan lotumon gajnis kn 792, **Gertrude Lund**.

Lotumon inter ĉiuj partoprenantoj gajnis kn 494, **Joan Dawson**.

*Gratulojn!*

## Nova strukturo kaj nova prezidantino por la Eŭropa Esperanto Unio (EEU)

Kunveninte la 24an de julio 1995 en Tampere, la aktivuloj kiuj apartenas al la landaj asocioj de la ŝtatomembroj de la Eŭropa Union (EU) diskutis pri pli efika kunlaboro kaj organiza strukturo inter ili. Sur bazo de du skribitaj proponoj (Fettes kaj Itala Asocio) la kunvenintoj alvenis al sekvaj konkludoj:

1. La landaj asocioj de la ŝtatomembroj de la EU konsideras necese disponi mem-staran organizajon por pritrakti komunajn interesojn, problemojn aŭ activecojn kadre de la instancoj de la Eŭropa Unio.

2. Por reaktivigi la internan kunlaboron, unue la financiaj aspektoj (inkluzive la kotizo) devas esti reekzamenotaj kaj la sekretariato de EEU devas esti reprenota de la Germana Asocio (Tejo oficejo Bonn).

3. Por plifortigi la kontaktojn kun la politikistoj kaj kun la naciaj kaj Eŭropaj instancoj, Elsbeth Bormann, Kn 163, fariĝis nova prezidantino de EEU.

*Geoffrey Greatrex, Kn 266, kaj Michael Cwik, Kn 755*

## Esperanta Asocio de Juristoj

kunsidis la pasintan jaŭdon, kaj oni traktis diversajn interesajn temojn de la asocio, ĉefe pensante pri estontaj agadoj por revigligo de la asocio. Ankaŭ okazis ŝanĝo de la estraro, kiu nun konsistas el Keppel Enderby (prezidanto, Aŭstralio), Andre Ruysschaert (sekretario, Luksemburgio) kaj B.A.E.M. Meulendijks (kasistino, Nederlando).

---

***Biografio de Zamenhof***

La eldonejo Ramsay publikigos la biografion de L.L. Zamenhof verkita de René Centassi kaj Henri Masson. La libro aperos en sekva septembro.

---